# LITERATURA MONDO

## KVARA JARO 1925






ELDONAS: HUNGARA ESP. INSTITUTO BUDAPEST

# LITERATURA MONDO




REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY, P. DE LENGYEL, DR° V. TÓTH, P. VARSÁNYI

JANUARO 1925  IV. JARO 1. NO.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS U. 3.

PREZO: 12 MIL HUNGARAJ KRONOJ

# AL LA LEGANTOJ

Komencante la kvaran jaron kaj farante kalkulon pri laboro kaj rezulto ni kun trankvila konscienco povas diri ke ni faris kion ni *povis*. Sed ni devas konfesi ke ni ne povis fari kion ni *volis*. Luktante por la vivo, ne povante rekompenci niajn kunlaborantojn (honorario estas la plej bona redaktoro) ni vivas nur per entuziasmo. Tiamaniere ni devas grandpene klopodi por teni la revuon super la nivelo de diletanteco. Malampleksec o perfortas nin en Prokrustes-liton, ni ne povas publiki tion, kio al ni plaĉas, sed tion, por kio ni havas lokon. Ĉi tion ni sciigas al tiuj, al kiuj la revuo ne plaĉas. Krome nia situacio estas malfacila. En ĉiu nacia lingvo aperas revuoj de plej diversaj direktoj, ĉiu elektas iun laŭ sia plaĉo kaj gusto. Ni, la sola monata revuo, devus kontentigi ĉiujn plaĉojn — sur 16 paĝoj. Ni devus kontentigi la amantojn de pura literaturo, kiuj serĉas en la lego la ventfrapon de vivo, profundan emocion, majstre ĉizitajn delikataĵojn de nobla arto, kaj tiujn kiuj post la ĉiutaga laboro volas iom distri sin per tiel nomata amuzliteraturo. Sur 48 paĝoj ni povus fari ĉion ĉi, ni povus doni pliajn rubrikojn, aktualajn babiladojn, ampleksajn observojn, teatrajn konigojn ktp. ktp. Do, kara leganto, via neplaĉo ne instigu vin por neabono, sed por pli forta subteno kaj propagando, ĉar jen la sola vojo por havi tian revuon, kian vi volas.

Ĉi tiu jaro estu la lasta provo; se eĉ je la fino de la jaro ni ne havas tian revuon, kiun oni povas rigardi — sen deficito — inda reprezentanto de vivanta literaturo, ni rezigne rekonos, ke estas tute senperspektive plu perforti la aferon.

LA REDAKTA KOMITATO.

## NOMBRO DE ABONANTOJ LAŬ LANDOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: . . . 4 (12) | Ĉinujo: . . . . . — | Hispanujo: . . . 30 | Latvujo: . . . 8 (4) | Polujo: . . . . . 15 |
| Aŭstralio: . . . . 2 | Danujo: . . . . (2) | Hungarujo: . 32 (64) | Litovujo: . . . . 12 | Rusujo: . . . . . 1 |
| Belgujo: . . . . 1 | Estonio: . . 10 (10) | Italujo: . . . . . 7 | Meksikujo: . . — | Rumanujo: . . . — |
| Britujo: . . . 14 (8) | Finnlando: . 1 (5) | Japanujo: . . 5 (50) | Nederlando: . 3 (4) | Svedujo: . . . . 3 |
| Bulgarujo: . . 10 | Francujo: . . 12 (9) | Jugoslavio: . . . 2 | Norvegujo: . . . 1 | Svisujo: . . . . . 6 |
| Ĉeĥoslovakio: 2 (42) | Germanujo: . . . 8 | Kosta-Riko: . . 1 | Persujo: . . . . — | Usono: . . . . . 5 |

PARENTEZE OPE VENDITAJ

# TABELO DE ENHAVO

## PRISKRIBOJ, KONIGOJ, SKIZOJ



## ROMANOJ NOVELOJ, ŜERCOJ



## POEMOJ



## MONDLITERATURA OBSERVO

## BIBLIOGRAFIO



## ILUSTRAĴOJ



## PORTRETOJ



## SUR TITOLPAĜOJ





# EL LA REMEMOROJ PRI KLARA ZAMENHOF



Mi ekkonis ŝin ankoraŭ kiel knabo, kiam ŝi eniris en nian familion kvazaŭ suna radio tra densa nebula atmosfero. De la periodo, kiam mi memoras mian fraton Ludovikon, li estis ĉiam serioza, malparolema. Sed sub tiu ĉi ŝajne rigida, indiferenta eksteraĵo batis koro tre impresiĝema, aspiranta pulsantan vivon kaj ĝojon. Ne trovante ĉion ĉi en si mem, avide li serĉis ilin en la ĉirkaŭantaro. Tiun ĉi mankon li sukcesis feliĉe trovi en sia vivamikino, kiu per sia natura sereneco kaj optimismo dum lia tuta vivo dispeladis la ariĝintajn ĉirkaŭ li nubojn de zorgoj kaj malĝojoj. Tiuj ecoj estis plej multvalora kaj neniam elĉerpebla doto kiun ŝi alportis al sia edzo.

La malfavoraj jaroj, dum la migrado de Ludoviko en serĉado de pano, elĉerpis al la geedzoj tute la modestajn komunajn kapitalojn, restis netuŝita nur tiu ĉi plej bela kapitalo — la neniam elĉerpebla fonto de sereneco kaj optimismo!..

*

Forflugis jaroj. La peza vivmaŝino, konanta neniajn idealojn, postulis de Dr. Zamenhof realajn pruvojn de vivkapablo. Ludoviko ekstaris antaŭ tre malĝoja realeco, kiu devigis lin serĉi panon ie ajn. Komenciĝis la jaroj de peniga migrado tra urboj. Al la ĉiutagaj zorgoj venis doloriga disreviĝo pri homoj. Li konvinkiĝis, ke konscienca kaj sinofera laboro de kuracisto, tenanta eĉ plej alte sian metian standardon, ne trovas rekonon en la publiko, kiun kontraŭe allogas nur mensogo kaj trompo.

Estante kontraŭa kaj nekapabla al tiu ĉi vivmetodo, li sentis sin kondamnita al ĉiama mizero. Post kelkfoja ŝanĝo de urboj, kie li trovis la samon, ekstaris antaŭ li la demando, kion fari? En lia imago venis ideo reveni Varsovion, sed manko de energio kaj timo je granda urbo ne permesis al li plenumi tiun ĉi paŝon. En tiu ĉi momento li bezonis la konsilon kaj fortan kredon de ia pli proksima al li persono. Tiun personon li trovis en sia edzino, kiu, eksciinte pri tiu ĉi ideo de sia edzo, eluzis tutan sian energion por subteni lin en ĝia plenumo. Ŝia optimismo decidis pri la afero. Ili revenis Varsovion, bruliginte post si ĉiujn pontojn kaj metinte ĉion sur la lastan karton. La sorto tiuĉifoje fariĝis por ili pli favora.

Mi memoras bone tiun ĉi periodon de ilia vivo. Mia frato, timoplena pri la estonto, sentis sin kvazaŭ ŝippereulo ne vidanta ĉirkaŭ si savan bordon. Klara kontraŭe estis plena de espero kaj kredo. Tion, kio mankis al la edzo, posedis la edzino en abundeco kaj nur dank' al tio la geedzoj fine alvenis feliĉe al la haveno de la vivo.

Kiel nun ekstaras en mia memoro la longaj monatoj de necerteco kaj la posta iompostioma pliboniĝo de la situacio! Mi memoras bone tiujn vesperojn, kiujn ni pasigis kune parolante pri Esperanto, ĝia estonto kaj pri la ideoj ligitaj kun ĝi en la fantazio de mia frato. Ĉiuvespere kun la helpo de sia edzino li trarigradis ĉiujn multenombrajn leterojn alvenintajn el diversaj partoj de la terglobo kaj ĉiuvendrede ili kune preparis la menditajn por elsendo librojn, kiuj sabate estis ekspeditaj per poŝto. La tutan laboron, ofte sufiĉe grandan, plenumis ambaŭ geedzoj kun granda pietismo. Neniu letero restis sen respondo. Klara partoprenis mense kaj age en ĉiuj laboroj bonege, informite pri ĉiuj detaloj de la sufiĉe granda jam tiam movado.

*

Venis la jaroj de triumfo — la epoko de la Esperantaj kongresoj, kiu feliĉe kunfluis kun la epoko de pli forta materiala stato de la geedzoj. Oni ofte legis kaj aŭdis opiniojn, ke neniu estis tiel feliĉa, kiel Dro Zamenhof, ĉar li apartenis al tiuj neoftaj feliĉuloj, kiuj dum la vivo sukcesis vidi la triumfon de sia ideo, kaj partopreni en grandaj ceremonioj faritaj de la tuta mondo por lia honoro!

Tia estis la opinio de tiuj, kiuj ne konis Dron Zamenhof pli proksime; kio povis esti revo por aliaj, tio por li estis nur ofero. Modesta laŭnature, li sentis sin kvazaŭ viktimo de la devo. Ĉiujare li perfortis sin al tiuj honoroj des pli, ke jam dum la unuaj kongresoj li estis malsana je arteriosklerozo kaj ĉiu kongreso plimalbonigis lian sanstaton. Se tamen mia frato senplende kaj volonte plenumis sian ĉiujaran devon, sen kio, kiel oni ĉiam asertis, la kongresoj ne povus sukcesi, la esperantistaro ŝuldas tion grandparte al lia modesta edzino, kiu faris ĉion eblan por faciligi al li la partoprenon en la kongresoj. Ŝia ĉeesto dum niaj kongresoj ne elfluis el la deziro partopreni en la honoroj de sia edzo — ĝi elfluis el la devo akompani sian malsanan amikon, el la konscio, ke lia ĉeesto malgraŭ malsano estas nepra. Se la esperantistoj rememoros, ke jam de la Ĝeneva kongreso komenciĝis la unuaj atakoj de reformistoj, ĉiu komprenos, ke la ĉeesto dum la kongresoj estis por mia frato ne ĝojiga triumfo, sed doloriga devo! „Ĉiu kongreso", diradis li „donas al mi grandegan kontentigon kaj pruvon pri la venko de nia ideo, sed samtempe ĉiu el ili forprenas de mi kelkajn jarojn de vivo."

*

Post dek jaroj inter triumfoj kaj zorgoj subite eksplodis la milito, kiu per unu movo detruis ĉion, kion la esperantistaro tiel penege konstruadis dum preskaŭ 30-jara laboro. Tiel almenaŭ opiniis mia frato, kiu, perforte forŝirita de sia adorata ideo, ĉiam pli enfaladis en sian malsanon. Por ambaŭ geedzoj, post mallonga periodo de rilata kvieto, venis ree jaroj de suferoj nun ŝajne jam senesperaj. La grava malsano, sen perspektivo al resaniĝo, kvazaŭ malbonaŭgura nubaro ekpendis super iliaj kapoj. En tiu ĉi periodo, pli ol en iu ajn alia, mia frato bezonis fortan moralan apogon. Kaj tiun ĉi apogon donis al li laŭforte lia edzino. Mi bonege memoras tiujn ĉi senesperajn monatojn dum la milito kun aliaj teruraj travivaĵoj, korpaj kaj moralaj doloroj, materialaj zorgoj kaj ĝis nun mi ne povas imagi al mi, kiamaniere ĉion ĉi povis elporti mia frato Ludoviko dum 3 jaroj! La sola persono, kiu povis ebligi tiun ĉi neeblaĵon, estis lia edzino,

kiu streĉis ĉiujn ecojn de sia karaktero por mildigi la suferojn de sia edzo! Kaj ĉion ĉi ŝi faris en plena espero ke ŝi subtenos lian vivon almenaŭ ĝis la komenco de la postmilita tempo, kiam, laŭ la revoj de ambaŭ, Esperanto devos revekiĝi kun pli granda forto.

*

La revoj ne plenumiĝis, almenaŭ por unu el la geedzoj, kiu mortis en la plej terura periodo de la milito. Klara restis sola. En la unuaj monatoj la travivitaj doloroj ŝajne tute rompis ŝian ĉiam egalan serenan karakteron. Ŝi faris impreson de homo, kiu plu ne vidas celon en sia ekzistado. Sed tiu ĉi periodo feliĉe daŭris ne longe. Forlasite al si mem, havante sub sia zorgo la junan filinon, ŝi devis refortiĝi. Ĉiam agema, ŝi fervore ekdaŭrigis laŭforte la laboron por Esperanto, plenumante kvazaŭ la testamenton de sia edzo. Ŝi sukcesis transvivi la finon de la milito kaj ekvidi novajn sukcesojn de Esperanto, kiuj estis en ŝiaj lastaj jaroj la sola konsolo de ŝia malfacila ekzistado.

Kun grandega pietismo por la memoro de sia neforgesebla vivamiko ŝi oferis la reston de sia amo al la loko, kie estis enterigita ŝia edzo. Ŝi flegis lian modestan tombon kaj preparis ĝin zorge por la atendanta ĝin honoro, kiu devis evidentiĝi en la formo de monumento fondita de la tuta esperantistaro. Ŝi pacience atendis tiun ĉi momenton kaj fine mortis ne ĝisvivinte ĝin. Ŝia lasta volo estis esti enterigita apud sia edzo!

Estu do la momento, kiam ekstaros la monumento super la tombo de la aŭtoro de Esperanto, samtempe festo por rememoro de lia vivamikino kaj kunlaborantino! En la koroj de esperantistoj ŝi meritis al si almenaŭ angulon por dankema rememoro! *Dro Leono Zamenhof.*

# VIKTIMOJ

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

JULIO BAGHY

## UNUA ĈAPITRO

Johano sidis ĉe la fenestro kaj rigardis en la senstelan nokton. Ekstere grincis la siberia frosto. Kvazaŭ nemezurebla morttuko kuŝis la dika neĝtavolo sur la tero. Interne, en la ĉambro, la aeron varmigis la elspiraĵo de dek samsortanoj. Ili dormis.

La monotonan ronkadon nur kelkfoje interrompis subita ekkrio aŭ senkonscie parolataj ĝemfrazoj. La samsortanoj sonĝis.

En la interna koridoro de la barako, de tempo al tempo, eĥis la dormemaj paŝoj de la deĵoranta suboficiro. Ankaŭ li estis militkaptito, ĉar la rusa barakestro ne estis konfidinda persono. Eĉ por rusoj ne.

La deĵoranto jen ekiras, jen haltas por momento. Malofte flustra interparolo filtriĝas tra la fermita pordo. Nur frazĉifonoj, sed ĉiam la samaj.

— Malvarme, tre malvarme!

— Jes! Malvarme. Tridekses gradoj...

— Nur? Dum la pasinta jaro en *Irbit* ni travivis kvindekdu gradojn. Sciu, samlandano, kvindekdu gradojn. Tio ne estas infanaĵo, precipe, kiam oni devas elhaki arbaron kaj kiam nin mordas miloj da pedikoj.

— Jes, jes...

— Kiam ni povos reveni hejmen?

— Oni diras, ke la rusoj jam ne povos longe persisti...

— Mensogo! Mensogo, samlandano, mi diras al vi. Tio estas mensogo! Neniam ni iros hejmen. Neniam!

— Nu ankoraŭ iom da pacienco. Oni ne devas tuj perdi la esperon. Ni iros hejmen baldaŭ.

— Neniam ni iros hejmen! Neniam, mi diras al vi. Mi estas jam ĉi tie la trian jaron kaj oni ĉiam diris, ke baldaŭ... Baldaŭ, baldaŭ, kaj ĉiam baldaŭ. Neniam ni iros hejmen!

La voĉo de la parolanto fariĝis akre disputa. Johano rekonis ĝin. Li leviĝis de sia litbenko kaj iris al la pordo. Tra la malfermita pordo haladza vaporaĵo tumultis en la ĉambron. En la vasta halo de la barako estis pli varme. Kompreneble! Kvarcent militkaptitoj, kunpremitaj kvazaŭ haringoj, produktas pli da varmo ol dek.

— Ne babilu! — li komencis senpacience. — Oni volas dormi. La dormo estas la sola dia donaco en nia mizero.

— Nu bone... bone... Ne estu tiel senpacienca! — respondis la alparolito.

— Mi ne estas senpacienca, sed... sed...

— Eehe! Vi ne povas fini la frazon. Mi tuŝis ĝenan flankon. Eehe! Tuj, tuj, mia kara! — kaj li ridis kun ebria stulteco.

— Vi denove drinkis. La odoro de brando...

— La odoro de brando, la odoro de brando... Ne prediku! Lasu min drinki! Ĝi estas la sola konsolo kaj mi tiel malofte havas okazon...

— Dank' al Dio!

— Dank' al Dio. Kial dank' al Dio? Mi demandas „kial"? Nu diru do! Kial? Nu diru do!

— Ne kriaĉu! Envenu kaj dormu!

— Ventron de dio! Mi ankoraŭ ne volas dormi, mi volas babiladi kun vi, ĉar vi estas mia plej simpatia amiko. Ĉu ne? Certe jes! Jeees! Nu!... Cetere, ĵus mi venis el la urbo kaj...

— Bone! Ni babilados, sed ne ĉi tie, en la koridoro. Venu en la ĉambron!... Nu, Petro, havu prudenton!

— Tuj! Tuj! Tuj! Nur mi volas ankoraŭ diri al mia samlandano, ke li eraras. Profunde li eraras! — li turnis sin al la deĵoranto. — Neniam ni iros hejmen, amiko, neniam! Kaj min ne incitu plu per bagatelaĵoj: „Nur iom da pacienco, nur iom da espero, nur iom da persisto..." Ventron de dio! neniam ni iros hejmen! Ĉu vi komprenas?

La deĵoranto levis la manon al sia ĉapo.

— Jes! Mi komprenas, sinjoro volontoro, neniam ni iros hejmen.

— Heheehe! Mi kuraĝus veti kun vi, Johano, ke mia deĵoranta amiko opinias min kolera. Mi kuraĝus veti. Tute ne! Tute ne, mia deĵoranta amiko! Por pruvi mian simpation al vi... mi nun... nun... Atendu iomete!... Nur iom da pacienco... Eheeheh!

Li pene elpoŝigis duonlitran botelon kaj prezentis ĝin al la deĵoranto.

— Jen! Trinku kelkajn glutojn da *vodki!*

La deĵoranto transprenis la botelon. Liaj okuloj avide ekbrilis. Per la maniko li respekte viŝis la faŭkon de la botelo kaj post iom da konsidero li trinkis longan gluton.

— Brrr! Tre forta ĝi estas.

— Ĝi ne estas preĝeja akvo.

— Je via sano! — diris la bona homo kaj denove trinkis. Huh! Kiel ĝi varmigas! Utila ĝi estas en tia frosta vetero...

— Hahaha! Ĉu vi aŭdas, Johano? Utila ĝi estas en tia frosta vetero. Certe ĝi estas tre bongusta... Hmm! El delikata domo ĝi venis al mi. Mi estis en la urbo kaj...

— Lasu la babiladon! — interrompis Johano.

— Heh! Vi ektimis, ke mi klaĉos, kiel maljunulinoj dum kafotrinko, pri via afero... Heeheh. Mi ne estas ankoraŭ tiel ebria. Eble, se ankaŭ tiun ĉi alian botelon... — kaj li tiris la alian botelon el sia poŝo. — Sed mi ne faros tion, ĉar mi estas honesta. Tiu ĉi botelo apartenas al vi kun tiu ĉi... kun tiu ĉi... Ventron de dio! Kien mi metis la pakaĵon?... Nu kien? Ah! Jen! Prenu... nu prenu! Ŝi sendis!

Li klinis sin al la planko por preni la pakaĵon, zorge vinditan en silkpapero, sed perdinte ekvilibron li falis al la deĵoranto, kiu ekkaptis lin per ambaŭ brakoj.

— Eheeh! Johano! Eheehe!... Ĉu vi vidas, kiel min amas tiu ĉi samlandano? Li ĉirkaŭprenas min. Nu kison, samlandano! Kison! Kiiison! Per la diablo!

La dejoranto vole-nevole kisis lin. Johano penis treni lin post si en la ĉambron.

— Tuj! Tuj, Johano! La pakajon mi devas prizorgi kaj la botelojn . . . Nu, trinku ankoraŭ unu gluton, samlan . . . Jes! Kiel oni nomas vin? Mi eĉ ne konas vian nomon.

— Jozefo Bakoŝ, kaporalo en la husarregimento 5.

— Do, Jozefo Bakoŝ kaporalo en la husarregimento 5., trinku je via sano!

Li etendis la botelon al li, sed vidante jam botelon en lia mano, li komencis laŭte ridegi.

— Hahaha! Ne el tiu ĉi! Tiu ĉi apartenas al Johano. Ĉu ne, Johano?

— Jes, jes! Venu, je la amo de Dio! La vekigitoj insultos nin!

— Insultu ili! Insultu! Ventron de dio! Kiu kuraĝus insulti min, kiam mi havas bonan humoron. Cetere ĉi tie estas nia amiko, Jozefo Bakoŝ, kaporalo el la husarregimento 5., por defendi nin. Ĉu ne, samlandano?

— Jes, sinjoro volontoro, respondis sinfide la dejoranto.

— Petro, se vi ne ĉesos babili, mi mem insultos vin.

— Viii?!

— Jes! Mi mem. Sufiĉas la babilo! Lasu la botelon ĉe la dejoranta amiko kaj venu dormi. Vi, ebria porko!

— Porko?! Nur tiun vi ne estus dirinta! Nur tion ne! Ĉu mi ne estas via plej fidela samsortano, kiu dividas kun vi ĉion . . . ĉion . . .

Liaj lipoj kurbiĝis je ploro kaj larmoj aperis en liaj okuloj. Kun tremanta kaj singulta voĉo li daŭrigis la riproĉadon.

— Jen la danko! Ĉu vi vidas, Jozefo Bakoŝ? Li estas vera despoto, vera despoto. Sed sciu, samlandano, ke mi ne povas koleri lin, ĉar mi estas tre molkora . . . tre molkora, kaj mi tre amas lin. Aŭskultu, Jozefo Bakoŝ kaporalo el la husarregimento 5., kaj juĝu mem la aferon. Vi estas ja saĝa homo kaj inteligenta. Ĉu ne? Vi estas ja kaporalo. Mi estis en la urbo ĝuste pro lia . . .

— Eh! Venu! — diris nerve Johano kaj li puŝis lin en la ĉambron.

La dejoranto helpis lin kaj senvorte metante la botelon kaj la pakajon sur la traban tablon, li volis forlasi la ĉambron. Petro haltigis lin.

— Jozefo Bakoŝ, kaporalo el la husarregimento 5., vi toleras, ke oni tiel traktu vian amikon. Ĉu ne honte al vi? Jen la danko!

La dejoranto respekte salutis kaj eliris kun kaŝita rideto.

En la ĉambro oni jam vekiĝis. Hirtaj kapoj, dormeme grimacaj vizaĝoj aperis el sub la kovriloj.

— Nu! Ĉu vi jam revenis el la urbo? — demandis basa voĉo el iu lito.

— Certe, mi revenis. Ĉu vi ne vidas? Kia stulta demando!

— Kaj denove ebriiĝinte?

— Kaj denove ebriiĝinte. Nu kaj kiom malhelpas vin tio? Cetere mi zorgis ankaŭ pri vi. Jen botelo da bona *vodki!*

La vortoj faris miraklon. La seriozaj mienoj sereniĝis, tra la lipoj glitis malcerta, dormema rideto kaj la tuta societo vigliĝis. Unu ellitiĝis, alia, surmetinte la ŝuojn, iris al la grandega forno por hejti per la restinta ligno, la tria per paciĝema voĉo ekparolis.

— Tamen vi ne estas malbona knabo, Petro.

— Kial mi estus malbona? Ĉu pro tio, ke mi iris en la urbon por esti servema al mia Johano? Jes! Aŭskultu, Johano, mi estis ĉe ŝi. Je Dio! Ŝi estas vere tre ĉarma, tre beleta kaj cetere iom tre enamiĝinta al vi. Sed kiu virino ne amus vin, la artiston.

— Lasu la komplimentojn!

— Ne protestu, Johano, ne protestu! Ĉiuj scias ja, ke la virinoj amas vin. Li filino de la generalkuracisto ĉiutage promenas antaŭ nia barako kaj akceptas kun speciala afableco vian saluton. La edzino de la stabkapitano parolas pri via arto kun granda entuziasmo. La bofratino de la komandanto, la bela vidvino, sendis al vi eĉ bukedon dum la lasta teatra prezentado kaj en ŝia aplaŭdado estis io pli ol honoro al la aktoro. Ĉiuj virinoj de la militkaptitejo sieĝas vin, ke vi instruu ilin pri danco.

— Pri danco! — ripetis kun duba emfazo la basvoĉa.

— Kaj precipe la edzino de la prokuroro interesiĝas tre intime pri vi. — daŭrigis Petro. — Jes, jes... Ŝi preskaŭ ĉiutage venas el la urbo al vi...

— Por lerni dancon, — finis Johano la frazon. — Cetere ŝi estas mia parulino dum la baletoj, aranĝitaj por bonfaraj celoj.

— Ne protestu, Johano, ĉar via protesto estas tre suspektinda. Vi mem ne povas nei, ke la varma interesiĝo de la bela virino flatas vin. Kaj mi diras al vi, mi, Petro Doŝky, via plej fidela amiko kaj kolego, ke ŝi freneze enamiĝis al vi.

— Eh! Momenta kaprico de histeria virino, kiun incitas mia fremdeco.

— Nu! Fine vi mem konfesas do.

— Mi nenion konfesas, ĉar mi nenion havas por konfesi.

— Sed tamen...

— Sed tamen, se mi havus ion tian, mi devus abomeni min mem. Mi havas edzinon kaj amatan filinon en mia patrujo. Ĉu vi opinias min tia besto, kiu vivas nur por la nuno?

— Denove, kiel ĉiam, vi vagadas en la mondo de revoj kaj kuras preter la vivo. Ĉu vi aŭdas, knaboj, kiel aroge li parolas. „Mi ne estas besto, kiu vivas nur por la nuno." Hahaha! Ridinda vi estas, Johano, vere ridinda. Ĉu vi ne estas viro? La viro havas privilegion.

— Hontinda privilegio. Masko de vira malforteco. Se mi postulas ion de virino, mi postulas la samon ankaŭ de mi. Jen mia principo.

— Kaj vi ludas la belegan, sed stultan rolon de Jozefo de sinjorino Putifar... Ĉar vi ludas tion. La kaŝita sopiro brilas en viaj okuloj kaj la virinoj komprenas tion. Nature ili komprenas. Por kio estas virinoj? Por kompreni la virajn sopirojn. Cetere mi malamas la virinojn. Profunde mi malestimas ilin. Se oni komisius min fari simbolan statuon pri la virino, mi prezentus pavon kun pajloŝtopita kapo.

La ideon pri la stranga simbolo la samĉambranoj akceptis kun laŭta ekridego, sed kiam ili vidis, ke Johano kun dolormedita mieno rigardas ilin, fariĝis subita silento. Kelkaj komprenis lin, estante mem edzoj; kelkaj respektis la sentojn de



Rubens: Perseus kaj Andromeda — Madrid: Prado

la samsortano. Post iom da paŭzo la basvoĉa Keĉemen ekparolis. En lia voĉo vibris pento.

— Petro, vi estas tro vulgara, kiam vi ebriiĝis.

— Hipokritulo! Vi diras, ke mi estas tro vulgara kaj ankaŭ vi mem sentas la verecon de miaj vortoj. Per diabloj! La virinoj estas malbenitaj infersojloj, sakoj de volupto. Mi povas diri tion, ĉar mi havas kaŭzon. Aĉaj kameleonoj ili estas.

— Petro, rememoru vian patrinon! — diris Johano por halfiĝi la trivialan vortoŝprucon.

— Hahaha! Mia patrino! Hahaha!... Ventron de dio! — kriis Petro kun terura furiozo. Liaj okuloj timige ĵetis fulmojn de kolero kaj per subita gesto li ekkaptis la botelon. Kiel tigro li ĵetis sin al Johano. Nun li haltis minace antaŭ li, en la mano kun la alte tenita armilo. Johano konsternite ridardis lin. Longaj momentoj. La taŭzita mieno de Petro Doŝky iom post iom mildiĝis kaj larmoj aperis en liaj okuloj. Li faligis la botelon.

La neatendita konflikto konfuzis kaj rigidigis ĉiujn. Nur post minuto ili rekonsciiĝis. La muskola Keĉemen kuris al ili. Sed jam ne estis necese.

Petro longe rigardis al la okuloj de sia Johano. En lia rigardo estis profunda doloro, sincera pento. Subite li forpuŝis la lin tenantan Keĉemen kaj kun arda ekploro li ĉirkaŭbrakis sian amikon.

Johano pardone karesis liajn harojn. Kio okazis? Li ne sciis. La frazo, ĵetita al Petro, ja ne estis ofendo. Johano ĉirkaŭrigardis, kvazaŭ serĉante respondon je sia muta demando. Ok viroj staris ĉirkaŭ ili kaj ĉies vizaĝo esprimis miron, nekomprenon.

— Nu, Petro, iru dormi! — komencis Keĉemen per kompatema voĉo. — Vi tro multe trinkis...

— Ne! Ne!... Lasu min! Vi ne scias... ankaŭ Johano ne scias, — singulte balbutis Petro kaj forte premis al si Johanon. — Kion vi povas kompreni? Kion?

— Bone, Petro, ni ne komprenas, ni eĉ ne volas kompreni tian aferon, kia ĵus okazis inter ni, — diris grasa viro, kiu ĝis nun senvorte kaŭris sur sia litbenko.

— Vi estas prava, Heimmüller. Ni ne bezonas tiajn konfliktojn, -- aprobis grandkapa etulo, kiu estis okupita per hejtado.

— Johano! Ĉu vi povas pardoni min?

La voĉo de Petro tremis pro la interna ekscitiĝo. Johano forte premis la manon de sia amiko.

— Nenio okazis, Petro. Nenio. Eble mi estis vere kulpa, dirante al vi tiun frazon post tia parolo. Nian trijaran amikecon, kiun hardis komunaj suferoj, ne povas rompi tia bagatelo.

Petro laŭte ekploris.

— Johano, se vi scius... se vi eĉ konjektus...

— Nu! Trankviliĝu! Vi ne estas infano. Ĉu vi ne hontas plori?... Nu, Petro... amiko mia...

La arda ploro ĉiam pli forte skuis la tutan korpon de Petro. La samsortanoj komence provis konsoli lin. Poste, ili unu post la alia enlitiĝis kaj tiris sur sin la maldikan kovrilon. Keĉemen sidiĝis sur la randon de sia litbenko kaj de tempo al tempo scivole rigardis la du amikojn, kiuj tenis sin koro ĉe koro.

Johano kun kelkaj mildaj vortoj penis konsoli Petron. Sed nun li subite eksaltis kaj, kun terura blasfemo ĵetis sin al sia kuŝejo.

Johano iris al li, kaj senvorte karesis lian kapon. Poste Petro ekdormis. La monotona ronkado de la samsortanoj ritme bruis en la ĉambro. Johano staris longe meditante en la mezo kaj rigardis dolore jen al la planko, kie kuŝis rompite la botelo, jen al la tablo, kie proponis sin la pakaĵo, sendita al li. Li rigardis ilin kaj poste, sidiĝinte sur sian liton, li rigardis rigide tra la glaciflora fenestro en la senstelan nokton.

## DUA ĈAPITRO

Apenaŭ krepuskis la tagiĝo, kiam iu delikate frapis la pordon.

— Nuuu! — respondis duondorme basa voĉo el sub la kovrilo.

La frapo denove aŭdiĝis, sed pli laŭte.

— Kiu do?

— Ĉu permesite? — sonis ekstere virina voĉo.

— Envenu!

La pordo malfermiĝis kaj ĉe la sojlo aperis knabino. Ŝi estis bela, altstatura. La blondaj bukloharoj kaj marobluaj okuloj donis ian mildan ĉarmon al la rondeta vizaĝo, kies vangojn karesis ruĝaj la frumatena vento.

— Ah! Vi estas, Fiza?! — kaj la parolanto indiferente turnis sin al la muro por daŭrigi la dormon.

La knabino por momento staris senmove, kvazaŭ ne sciante kion fari kaj poste lerte kaj vigle ŝi eklaboris. Farinte fajron en la forno, senbrue ŝi komencis balai la ĉambron.

Johano silente rigardis ŝian zorgadon. Foje iliaj rigardoj renkontiĝis. La knabino, ruĝiĝante ĝis la tempioj, flustris: „bonan matenon." Johano nur kapsalutis.

— Ĉu vi bone dormis, sinjoro Bardy?

— Eĉ minuton mi ne dormis?

— Ĉu vi malsanas?

— Ne.

Ili eksilentis. La knabino iom embarasite ŝiradis la borderaĵon de sia pelto. Johano demandis:

— Kie vi pasigis la nokton?

— En la barako de la kuracistoj.

— Hm! Ili estas delikataj homoj.

— Jes, sed mi eunas ilin. Ili estas arogantaj... Ĉu mi povas ricevi poteton da teo?

— Oni ankoraŭ ne portis ĝin.

La knabino altabliĝis kaj rigardis ĉirkaŭen. Ŝia scivolo vagadis de objekto al objekto, fine ĝi haltis ĉe la rompita botelo.

— Ĉu vi amuziĝis nokte, sinjoro Bardy?

— Ne.

— Mi nur opiniis pro la rompita botelo... Ĉu sinjoro Doŝky?

— Jes!

Johano rulfaris cigaredon kaj la knabino serĉis paperspliton por doni fajron al li. Ŝi bruligis ĝin en la forno kaj portis al lia lito. Johano kun kapbalanco dankis kaj transprenis la fajron. La mola mano de la knabino intence tuŝis la lian. Johano ne volis rimarki tion.

— Ĉu vi koleras min, sinjoro Bardy?

— Kial, Fiza?

— Ĉar vi ne volonte parolas kun mi.

— Vi eraras. Nur mi nenion havas por diri.

— Mi tre ŝatas la artistojn, precipe vin, sinjoro Bardy. Vi estas vera artisto.

— Pro kio vi opinias tion?

— Mi ja vidis vin multfoje sur la scenejo. Vi estas tiel multflanka talento. Jen vi dancas, jen vi ludas draman rolon, jen vi mem verkas teatraĵojn.

— Ĉu pro tio mi estas vera artisto? Tion povas fari ĉiu lerta homo.

— Jes! Li eble povas, sed ne tiel kiel vi.

— Sed vi eĉ ne komprenas la tekston.

— Tio faras nenion. Mi vidas vian vizaĝon kaj mi aŭdas vian voĉon. Tio sufiĉas por mi.

— Jes.

— Jes.

Johano kun malcerta mieno rigardis antaŭ sin. La knabino sidiĝis sur la randon de la lito.

— Kaj ne nur artisto vi estas, sed ankaŭ tre bona homo.

Johano ekridis memironie. La knabino kvazaŭ ofendite insistis.

— Jes, jes, sinjoro Bardy. Tion neniu scias tiel bone, kiel mi. Mi sentas tion. Kiu mi estas? Ĉifono de la tendaro kaj tamen vi traktas min kun respekto. Kun tia respekto, kian mi ne meritas. Sed devas ja ekzisti ankaŭ tia persono, kia mi estas. Ĉu ne?

— Vi parolas sensencaĵojn, Fiza.

— Kial mi parolus sensencaĵojn? La vivo estas tia. Mia destino estas esti ĉifono de la tendaro kaj la destino de la prokuroredzino estas paradi kiel princino.

— Kial vi parolas ĝuste pri la edzino de la prokuroro?

— Mi nur parolis. Ĉu mi ne povas paroli pri ŝi? Kial ne? Cetere ĉiuj scias, ke ŝi estas enamiĝinta al vi.

— De kiu vi aŭdis tion?

— Oni diras... kaj ankaŭ mi vidas tion, kiam vi provas la dancojn kun ŝi sur la scenejo. Ŝi amas vin. Nu! Ĉu oni ne povas ami vin? Ankaŭ mi amas vin kaj nenio. Nu?

— Vi parolas sensencaĵon, Fiza.

— Tio ne estas sensencaĵo, ke mi amas vin. Ho mi scias, ke vi ne amas min, ĉar vi estas pli bona ol la aliaj.

— Nu vidu, ke vi parolas sensencaĵojn! Pro tio mi estas bona homo, ĉar mi ne amas vin. Kiu komprenas tion?

— Ho, ho, tio ja estas tre komprenebla. Vi amas min, sed ne tiel, kiel la aliaj. Vi amas min pli ol tiuj, kiuj avidas mian korpon. Jes! Kaj sciu, eĉ se vi mem volus min, mi ne donus min al vi. Sed tion vi neniam volos.

— Pro kio vi supozas tion?

— Ĉar vi ne volas eĉ la edzinon de la prokuroro, kvankam ŝi estas la plej bela virino en la urbo.

Ekstere, sur la koridoro, eksonis la laŭta krio de la deĵoranto — Vekiĝu! Iru por teo!

Subite granda bruo komenciĝis. Oni kuradis tien kaj reen por plenumi la ordonon. La deĵorantaj grupanoj viciĝis antaŭ la barako. Ĉiu tenis en sia mano grandan kaserolon aŭ teujon

kaj tremante pro la frosto ili dancsaltadis sur la malmola neĝo.
La pordo malfermiĝis kaj venis la konstanta servisto de la artista ĉambro. Maljuna vilaĝano kun krispaj lipharoj kaj barbo.
— Bonan matenon, sinjoroj volontoroj! — li salutis tiel laŭte la dormantan societon, ke la sonĝoj tuj forflugis de ĉiuj.
— Bonan matenon, Stefano. — respondis Johano en la nomo de la tuta ĉambro.
La maljunulo prenis el la angulo la teujon kaj forrapidis. La samĉambranoj, unu post la alia, ellitiĝis. La ĉeesto de la knabino ne ĝenis ilin, nek ilia matena sinlavado la knabinon. Ŝi sidis sen embaraso sur la lito. Ĉiuj ellitiĝis, escepte Johanon kaj Petron, kiu profunde, egalspire dormis.
— Nu, Fiza, kio nova? — demandis Keĉemen.
— Nenio eksterordinara. Oni diras, ke estas grandaj kontraŭrevolucioj en Eŭropa Rusujo.
— Revolucio, kontraŭrevolucio, — politikaj ŝanĝoj... kaj tamen ni estas kaj restas tie ĉi, — grumblis Heimmüller.
— Eh! germana kamarado, vi ne estas kontenta pri la gastamo de la rusoj, kiuj regalas nin tiel malavare, — diris malalta, senhara pentroartisto kun facila rido.
— Jes! Ili regalas nin per ba-ba-batoj, — rimarkis balbutulo kaj li detranĉis grandan pecon el pano, kies koloro similis al la humo, en kiu ĝi kreskis en sia tritika periodo.
— Varga, vi parolas ĉiam sensencaĵojn. La batoj, kiujn ni ricevas estas por refreŝigi la malvigliĝintan sangon.
— Knaboj! Kiu povas al mi diri la plej malsaĝan aferon? — demandis Keĉemen kaj li rigardis al Varga.
Iu laŭte kriis:
— La plej malsaĝa afero en la mondo estas „Varga"!
— Ĉu vi devas paroli? Ion pli malsaĝan vi vere ne estus povinta diri, — en sia subita konsterniĝo diris Varga, ne rimarkante, ke li hakis mem la branĉon sub si.
Laŭta ridekesplodo tremigis la murojn. Dume la maljuna Stefano revenis kun la varmega teakvo kaj ĉiu verŝis por si en malgrandan poteton aŭ tekruĉon. Dum la tetrinkado oni silentis.
La knabino leviĝis kaj preninte la tekruĉon de Johano el sub la lito ŝi metis en ĝin iom da teherbo. Johano prenis la ladan sukerujon kaj transdonis ĝin al la knabino.
— Jen! Prenu ankaŭ por vi.
La knabino kirlis la teon en la kruĉo kaj poste, verŝinte el ĝi en du glasojn, ŝi transdonis unu el ili al Johano, la alian ŝi singarde metis sur sian genuon.
— Nu, prenu sukeron, Fiza!
— Dankon. — ŝi prenis sukerkubeton kaj tenante ĝin en la mano ŝi mordetis ĝin post ĉiu gluto. — Ĉu mi ne pretigu por sinjoro Doŝky?
— Vi povas.
La knabino serĉis la tekruĉon de Doŝky. Trovinte ĝin, ŝi pretigis la teon, kaj kun delikata tuŝo vekis lin.
— Sinjoro Doŝky! Jen via teo!
— Kio? Kion vi volas? — ekparolis Doŝky kaj subite sidiĝis en sia lito.
— Tetrinku, sinjoro Doŝky!
— Ah! Jes! Bone, bone... — kaj li transprenis la glason de la knabino, sed kiam lia rigardo renkontis tiun de Johano, li redonis la teon.
— Ĉu vi ne volas trinki?
— Mi ne havas apetiton.
— Jes, ĉar vi dumnokte iomete amuziĝis.
— Jes. Mi iomete amuziĝis, — al kurba rideto li tiris la lipojn.
— Trinku, Petro! Iom da varmo ne malutilos, — instigis lin Johano.
Petro reprenis la glason kaj avide trinkis la teon.
Ekstere denove granda bruo ekis. La voĉo de la rusa barakestro komandis plengorĝe.
— Viciĝu por lignoportado! Tuj! Tuj!!
— Per diablo! Jam tiel frue?! — esprimis sian malkontenton Keĉemen. — Nu, knaboj, por laboro!
Keĉemen estis la komandanto de la ĉambro kaj li devis ĉiam montri bonan ekzemplon. Pro tio li prenis unua sian surtuton kaj rapidis for el la ĉambro. La aliaj, unu post la alia, sekvis lin post iom da hezito. En la ĉambro restis nur Bardy, Doŝky kaj la knabino.
Johano ritme, kvazaŭ sin amuzante, kirlis sian teon kaj fajfis malgajan melodion. La knabino iris al la forno por prizorgi la fajron. Petro, trinkinte la teon, metis la malplenan glason sur la plankon kaj denove kuŝiĝis. Li eĉ unu fojon ne rigardis al Johano.
— Ĉu tiu melodio estas el via nova opereto, sinjoro Bardy? — komencis la knabino.
— Jes. La ĉefa ario.
— Kiam oni prezentos ĝin?
— Ankoraŭ mi ne scias.
— Ho kiel mi dezirus jam vidi ĝin! Espereble ĝi estos tiel belega, kiel la unua opereto. Ĉu ne?
— Eĉ pli bela.
— Eĉ!? Hooo! Vi faras min tre scivola.
— Nu, vi vidos ĝin baldaŭ.
— Mi ne scias. Verŝajne mi devos vojaĝi al *Irkutzk.*
— Por kio?
— Por fariĝi soldato.
— Hahaha! Vi kaj soldato! Kia ideo!?
— Ne estas tiel ridinda la afero, — protestis Fiza kun flamruĝo sur la vangoj. — En *Irkutzk* oni nun varbas virinajn regimentojn por la defendo de la sovjeta respubliko.
— Kaj vi volas soldatiĝi.
— Jes. Mi volas soldatiĝi. Kion mi faru? Diru, sinjoro Bardy, kion mi faru? Mi estas duonorfa. El la gimnazio oni forpelis min. Mia sorto estas certa ruiniĝo, sed mi ne ŝatas la longan mortadon. Eble iu bonfarema kuglo finos ĉion. Ĉu ne?
— Vi estas nun en tre pesimista humoro. Morgaŭ vi parolos ja alimaniere. Virina decido valoras nur por la minuto.
— Vi eraras, sinjoro Bardy, ĉar kion virino volas kaj kion ŝi vere volas, tion ŝi faras eĉ se la tuta mondo estas kontraŭ ŝi. Kaj precipe vi nekonas la rusajn virinojn. Mi konas ilin. Mi mem estas unu el ili.
— Povas esti... — meditante flustris al si Johano.
— Tute certe, sinjoro Bardy, tute certe... Vi rifuĝas de iu,



Rubens: Fortuna — Madrid: Prado

sed sciu, se ŝi volas vin venki, ŝi venkos vin. La virino estas anĝelo kaj diablo en unu persono. Ĉiam ŝi montras tiun flankon, kiu estas necesa. Kial vi rigardas min mire? Ĉu vi ne kredas al mi, aŭ vi juĝas, ke mi parolas strangaĵojn?
— Ne. Tute ne. Mi miras vin mem.
— Ĉu, sinjoro Doŝky, ankaŭ vi miras min?
— Ne, — respondis mallaŭte Petro.
— Ĉu vi vidas, sinjoro Doŝky pli funde konas la virinan animon ol vi.
— Mi konas nur tiajn virinojn, kia vi estas. Johano konas tute aliajn.
— Vi volis diri, sinjoro Doŝky, ke li tute ne konas la virinojn, kiujn li konas.
Johano rigardis al la knabino kun riproĉo en la okuloj. Petro, kiel bona amiko, komprenis la sencon de tiu ĉi rigardo kaj volis fini la interparoladon.
— Fiza! Mi volas elitiĝi, — li komencis.
— Nu kaj poste?
— Ĉu vi ne hontas rigardi la sinvestadon de viro?
— Hahaha! Sinjoro Doŝky, vi devus esti pli sincera. Kial vi ne diris, ke mi silentu kaj iru for. Cetere mi devas jam foriri. Nu, ĝis revido!
Ŝi ekiris al la pordo, sed tie haltis momenton kaj sin turnis al Johano. — Sinjoro Bardy, ĉu vi koleras min?
— Pro kio?
— Ĉu mi ne ofendis vin?
— Per kio?
— Ĵus venis al mi la sento, ke mi kaŭzis al vi malagrablan minuton. Indulgu min! Mi estas iom tro babilema.
— Nenion vi faris, Fiza, nenion. Estu sana!
La knabino jam prenis la anson, kiam la voĉo de Johano retenis ŝin.
— Fiza!
— Nu kion?
— Ĉu vi havas gefratojn?
— Jes, sed tute malgrandajn, kiuj ne povas ankoraŭ servi al vi. Ĉu en la teatro vi bezonus ilin?
— Ne! Tute ne, sed tie, sur la tablo estas pakaĵo da delikataj sukeraĵoj kaj bakaĵoj. Prenu ĝin por ili. Certe ili tre ĝojos.
La knabino ekiris al la tablo kun ŝanceliĝantaj paŝoj. Ŝi prenis la pakaĵon kaj subite klinante sin al la mano de Johano, ŝi kisis ĝin.
— Nun vere mi koleras vin, Fiza! — diris Johano kun sincera konsterniĝo.
La knabino kun feliĉa rideto kuris al la pordo kaj de tie ŝi kriis al Johano.
— Koleru, sed tamen mi kisis vian manon!
Johano rigardis al la fermita pordo kaj aŭskultis la forpasantajn piedfrapetojn de la knabino.
— Viktimo, mizera viktimo — murmuris Johano inter la dentoj.
— Viktimo, kiel ni, — plektis plu la interparolon Doŝky. — Mi bone rememoras pri ŝi, kiam antaŭ du jaroj ŝi venadis ĉiutage kun sitelo en la mano por preni kaj kolekti restaĵojn de nutraĵo. Ŝi estis dektrijara, apenaŭ ekevoluinta knabineto. Kun senkulpaj okuloj ŝi rigardis en la mondon, naive ŝi iradis inter la viroj, kiuj rigardis ŝin, kvazaŭ malsataj rabbestoj en kaĝo la alfalintan infanon. Karno! Karno! Nu, kaj ili manĝis ŝin.
— Abomeninda besto estas la viro.
— Abomeninde kruela estas la vivo. Ŝi estas viktimo de la milito, rompita kariero, kiu eble, se la mondobruo ne okazas, fariĝas honesta patrino de multaj infanoj kaj sen grandaj emocioj vivas sian grizan vivon.
— Mi ne scias kial, sed senfinan kompaton mi sentas al tiu ĉi malfeliĉulino. Kiam mi vidas ŝin, ĉiam aperas antaŭ mi la romanfiguro de Dostojevski: Sonja. Vi konas ja mian simpation al la rusoj.
— Kun kiu nacio vi ne simpatias? Kun ĉiu. Vi estas esperantisto kaj homarano, — kaj aperis facila rideto sur la lipoj de Petro.
— Ne moku min! Vi scias ja, ke tio ĉi estas mia malforta flanko, kie vi povas tuj vundi min.
— Mi ne volis ofendi vin per mia senvola rideto, sed, pardonu min, mi rememoris pri la edzo.
— Pri kiu edzo?
— Pri la edzo, kiun vi instruas pri la lingvo kaj kies edzino estas preta en ĉiu momento adulti kun vi. Mi rememoras pri la lasta teatra vespero en la urbo. Ĝi estis vera grimaco de la vivo. La edzo lernanta sola en la balĉambro kun sincera idealismo en la animo, kaj la edzino, flirtanta kun la instruisto en la subtera vestejo de la aktoroj. Hahaha! Vera grimaco!

— Ne ridu! Li estas mia amiko kaj mi neniam povas trompi amikojn.
— Tion mi scias, sed tamen estas en tio diabla komedio. Ĉar komedio estas tio, Johano. Eĉ subunga sincereco ne estas en tiu ĉi afero. La edzo nenion konjektas, aŭ li tro fidas vian amikecon kaj vi turmentas vin per senĉesa rezigno. Bah! Komedio!
— Vi denove volas komenci la hieraŭan . . .
Petro eksilentis. La rememoro pri la hieraŭa incidento tiris sulkojn sur lia frunto. Johano havis iom da konsciencriproĉo kaj senvorte elitiĝis. Li komencis la vestadon. Petro, post iom da hezito, sekvis la ekzemplon. Meditante, distrite ili vestis sin. Johano pli frue finis kaj preninte sian surtuton volis forlasi la ĉambron.
La alparolo de Petro haltigis lin.
— Johano!
— Nu?!
— Mi volus paroli kun vi. Tute serioze . . . Mi dezirus klarigi al vi mian nekompreneblan konduton al vi.
— Senbezone, Petro. Verŝajne vi havis kaŭzon. Cetere mi nun ne havas tempon, ĉar oni atendas min en la garnizona teatro por provo.
— Vi nepre devas aŭskulti min, Johano, por ke vi komprenu kaj povu plene pardoni min.
— Mi ja pardonis vin sen klarigo.
— Tamen . . . Mi petas vin . . .
Johano longe rigardis sian amikon, kiu kvazaŭ petegante persvadis lin per sia mieno.
La surtuton remetinte sur la vestpendilon li sidiĝis al la tablo kaj atendis. Petro sekvis lin. Atendplena silento.
Johano rulfaris cigaredon kaj proponis tabakon al Petro. Li rifuzis ĝin.
— Dankon . . . nun ne . . . Mi ne scias kiel komenci, ĉar estas ĝena afero.
— Ni lasu ĝin por pli konvena okazo!
— Ne! Mi devas nun, ĉar dorno boriĝis en nian amikecon.
— Vi estas tro imagema.
— Ne, ne! Mi ne sentas tion, kaj cetere vi estas prava. Amiko, kiu atakas sian amikon per botelo pro frazo tute ne ofenda, vere meritas malestimon.
— Vi ĉiam troigas la aferojn . . . Vi estis iom ebria . . .
— Tute ne! Mi havis nur bonan humoron, sed vi nevole rompis tion, menciante mian patrinon.
Petro rigardis antaŭ sin por momento, kvazaŭ serĉante la taŭgajn komencajn frazojn. Johano senvorte, sed kompate observis la baraktadon.
— Johano! — komencis Petro. — Vi havas kompreneman animon. Vi kompatis eĉ la knabinon Fiza. Havu nun por mi iom da kompreno. Vi scias ja, ke la vivo fuŝas naŭdek procentojn de siaj manuskriptoj. Ĝi fuŝis la sorton de Fiza, ĝi fuŝis la vian, kaj milojn de niaj samsortanoj. Ne estas do mirinde, ke ĝi ne indulgis min. Vi scias, ke antaŭ ol mi fariĝis aktoro, mi estis pastro.
— Jes! Mi scias. Vi rakontis jam . . .
— Mi mensogis. Mi ŝanĝis la templon de Dio je la templo de Thalia ne pro amo al la arto, sed pro familia tragedio.
— Tion mi ne sciis.
— Cetere mi estis fipastro kiel mi estas fiaktoro, ĉar pardoni mi ne povis. La vera pastro devas indulgi ĉiun, escepte sin mem. Kaj tion mi ne povis. Mi ne havis forton por tio. La aktoroj ne havas indulgon, nur por si. Pro tio taŭgas por mi tiu ĉi profesio.
— Vi parolas sensencaĵon, Petro.
— Ne vi, mia kara. Vi estas escepto. Vi estas plie pastro ol aktoro. Vi similas al la stranga apostolo, kiu sin oferas por komunaj bonoj, kvazaŭ vi volus pruvi al la mondo, ke altruismo ne estas socia mensogaĵo. Vi estas homo.
— Ne! Mi nur volus fariĝi homo, sed la teraĵoj katenas min.
— Kiu ne havus makulojn, kiam eĉ la suno havas ilin. Sed mi volas fini mian historion, ĉar oni atendas vin . . . Foje, dum dimanĉa frumateno, mi iris en la preĝejon por konfesprena servo. Vi konas la konfesprenajn seĝojn en la preĝejoj. Ili estas altaj, la fenestretoj kradumitaj kaj oni ne bone povas rekoni la vizaĝon de la konfesprenanto, precipe en duonhela horo. Mi sidiĝis en la seĝo kaj tirinte min en ĝian profundon mi kaŝis mian vizaĝon per la stolo. Virino venis. Ĉe la unuaj vortoj mi rekonis la voĉon de mia patrino. Mi estus devinta atentigi ŝin, sed diabla scivolo kaptis min.
— Terure!
— Ankoraŭ ne. La teruraĵo venas nun. Mi kaŝis tute mian vizaĝon kaj atendis la konfeson . . . kaj . . . kaj mi devis ekscii, ke mi ne estas la filo de tiu, kies nomon mi portas kaj mi devis

sciiĝi pri tio, ke mia patrino, kiun mi idole amis, estis aĉa kromvirulino de alia viro . . .

— Petro!

— Ventron de dio! Ne kompatu min, ĉar mi meritis la punon. La scivolo estas peko . . . Kiam ŝi finis la konfeson kaj atendante absolvon ŝi genuis antaŭ la fenestreto, mi rompis en furiozo la lignokradojn kaj kriis per stertora voĉo: „Ne estas pardono, malbeno sekvu vin!"

Johano kun teruritaj okuloj rigardis sian amikon.

— Ŝi svenis kaj mi forkuris el la preĝejo por neniam reveni. Mi ŝanĝis mian nomon. Bonŝanca hazardo helpis min. En tiu malproksima urbo, kien la sorto jetis min, mi konatiĝis kun Fiza junulo. Li estis orfa kaj staris sola en la mondo sen helpantoj. Ni kune luis ĉambron en la antaŭurba kvartalo. Post kelkaj semajnoj lin ekkompatis la morto kaj mi, alpreninte liajn dokumentojn, metis la miajn en lian poŝon. Doŝky ne estas mia nomo, sed nomo de tiu, kiu jam de ses jaroj dormas eternan dormon . . . Nun vi konas mian tragedion, kaj juĝu!

Du larmoj ruliĝis tra la vizaĝo de Johano.

— Mi scias, ke mi ne meritas vian amikecon, sed kompaton eble — jes.

— Kaj . . . kaj . . . via patrino . . .

— Nenion mi scias pri ŝi. Eble ŝi sciiĝis pri mia morto, pli ĝuste pri la morto de la vera Doŝky kaj nun opinias min mortinta. Tiel estas bone!

— Kaj se la hazardo kunportos vin ambaŭ.

— Tia hazardo neniam povos veni.

— Ĉu vi povus pardoni ŝin.

Petro longe meditis kaj poste kun subita decidemo respondis:

— Neniam! Mi ne povas pardoni al virino. Stranga naturo, sed tiel estas. La plej abomeninda besto estas por mi la kato. Ĝi estas flatema, ruza, hipokrita kaj malfidela. Ĉio estas kaŝita ĉe ĝi. Se en iu virino mi ekvidas la katan naturon, mi naŭze turnas min de ŝi kaj neniam mi povas pardoni ŝin.

Johano milde ekridetis.

— Petro, vi mem ne kredas tion, kion vi diras. Vi volas vin pentri pli nigra ol la nigro mem. Cetere vi amas la virinojn.

— Freneze mi amas ilin kaj tio estas mia fatalo, ke pli aŭ malpli frue mi ĉiam ekvidas en ili la katan naturon.

— Kaj tamen virino povus vin savi por la vivo.

Petro laŭte kaj longe ridegis, sed en tiu ĉi eksplodo estis plie amara doloro kaj trudo ol natura gajeco. Johano sentis tion.

— La virino estas anĝelo kaj diablo, diris Fiza, — Johano rememorigis lin kaj prenis la manon de sia amiko.

— Sed ankaŭ tion ŝi diris, ke ŝi montras tiun flankon, kiu estas necesa, — ridis plu Petro.

— Se ŝi fariĝas diablo, la kaŭzo estas ĉiam la viro.

— Nu, ne ĉiam.

Ili eksilentis. Petro purigis per eluzita alumeto siajn ungojn. Johano, por eviti la rigardon de Petro, skrapis la glacifIorojn de la fenestrovitro.

Petro subite leviĝis kaj iris al la vestpendilo kaj el la poŝo de sia surtuto prenis la botelon da *vodki* kiun hieraŭ li forgesis meti sur la tablon.

— Feliĉe la botelon vi ne donis al Fiza. Trinku gluteton, Johano, je mia sano.

— Ne! Vi scias, ke mi ne trinkas alkoholajon.

— Nu trinku je la sano de la prokuroredzino!

— Ne! Lasu min!

— Nu, trinku je la sano de via edzino!

Johano per hezita gesto prenis la botelon kaj trinkis longan gluton. La trinkaĵo estis tre forta kaj liaj okuloj eklarmis. Petro kun petola malico ridetis kaj transpreninte la botelon li mem estis trinkonta. Johano kaptis lian manon.

— Ne trinku, Petro! Lasu ĝin por la knaboj. Tiu ĉi botelo da *„vodki"* apartenas al ili.

— Nur gluteton! Je la sano de via edzino!

— Mi trinkis jam!

— Mi trinkos do je la sano de via amata filineto,

Johano ne persistis plu kaj Petro suĉis plenbuŝan gluton.

— Interese, ke vi, Johano, eĉ ne estas scivola pri mia vera nomo.

— Vi mem diris, ke la scivolo estas peko.

— Cetere vi estas prava, ĉar, kiel mi konas vin, vi estus kapabla fari ion por paciĝi min kun mia patrino.

— Tio ne estas mia tasko. La providenco faros tion.

— La providenco! Ho vi, naivulo!

Johano por malhelpi la daŭrigon de la drinkado prenis la botelon el lia mano. Petro sen protesto cedis kaj kun ironia rideto rimarkis:

— Ŝajnas al mi, Johano, ke vi ĵuris savi min por la vivo. Mi diras al vi, ke vi ne sukcesos. Por kio mi vivus aŭ pli ĝuste por kiu?

— Mi tamen esperas. Ne estas vi tiel malbona, kiel vi montras vin.

— Foje vi sukcesis redoni min al la vivo, kiam sur la batalkampo mi kuŝis vundite kaj forlasite, sed ni ne estas nun sur la batalkampo.

— Kie ni estas do?

Petro eksilentis kaj facilanime ekfajfis. Johano bonkore rigardis en liajn okulojn.

— Mia kariero estas rompita, — komencis subite Petro la laŭtan meditadon. — Ĝi estas enterigita en la tombejo de tiu urbo, kie la vera Doŝky ripozas. Ne nur dokumentojn ni ŝanĝis, sed ankaŭ sorton. Mi nun eble estus jam altranga pastro per miaj interrilatoj. Unu el la plej riĉaj homoj de la ekiezia distrikto kaj nun . . . — kaj denove li ekfajfis mallonge, sed signife.

— Ne meditu pri tio, kio vi estus fariĝinta, sed klopodu ripari la eraron!

— Hahaha! Vi estas pastro, Johano, vera pastro! Eminente vi konas la arton de predikado.

Johano nerve turnis sin de li. Petro, metinte sian manon sur ŝultron de sia amiko, pentvoĉe diris.

— Ne koleru min, Johano! Ne koleru! . . . Iru al la teatro! Eble la bela prokuroredzino jam senpacience atendas vin!

— Hodiaŭ ne estas provo por ŝi.

Iu frapis sur la pordo.

— Nu! Envenu! — ekkriis laŭte Petro.

La pordo malfermiĝis kaj la deĵoranto venis en la ĉambron.

— Sinjoro Bardy! Iu komisiis min diri, ke la sinjorina moŝto atendas vin en la teatro por dancprovo.

Petro triumfe ekridis.

— Nu, kion mi diris?! La sinjorina moŝto de la sinjoro prokuroro senpacience atendas vin en la teatro por dancprovo. Por dancprovo!

— Hodiaŭ vi estas tre incitema.

— Ĉu mi povas foriri? — demandis la deĵoranto.

— Atendu iomete, Bakoŝ! — diris Johano, kaj preninte la botelon de la tablo, trandonis ĝin al li. — Nu, gluteton!

— Dankon, sinjoro volontoro, — kaj li trinkis.

Johano rapide prenis la surtuton kaj forlasis la ĉambron, sed li ankoraŭ aŭdis la krion de Petro.

— Salutu la belan virinon ankaŭ en mia nomo!

*(Daŭrigota.)*

## RESPONDO

*Komprenas mi intencon vian ruzan, —*
*Deziras vi devigi nepre min*
*Ludadi ial rolon tro amuzan:*
*Ke ĵuru mi denove, ke karesu vin . . .*

*Ĉu volas vi pasinton revivigi*
*Por ĝui re l'aspekton de turment'?*
*A , povas esti, simple kolerigi*
*Amanton novan per la malatent'?*

*Ne! lasu min! mi estas jam maljuna,*
*Por eĉ pro vi fariĝi arleken';*
*Ripozas mi en mia viv' a tuna*
*Kaj tremas mi eĉ antaŭ fajna ĉen'.*

*Sed se vi ree amas, e: eraras,*
*Kaj volas, ke vekiĝu mia sent',*
*Mi tiun novan sperton kontraŭstaras*
*Ne pro fiero, — sole pro prudent'.*

*Do nun respondas mi al vi honeste:*
*Por mia kor' — fatala estis romp',*
*Kaj plu mi povas nek suferi beste,*
*Nek konsoliĝi per konscia tromp' . . .*

*M. Solovjev*

# MUŜKAPTULO

OSYP MAKOVEJ



Apud la vilaĝo K., ĉe la rivero Dniestro, aperis viro de neniu konata, tiom nesingardema aŭ senzorga kontraŭ ĉiuj ordonoj de la registaro, ke li ne anoncis sin ĉe la policejo, li nur vagadis libere, kiel en la malnovaj bonaj tempoj. La unuan sciigon pri li alportis Paranjo, servistino de la registara polica postenestro, sinjoro Lupo; ŝi, unue al sinjorino Lupo, kaj poste ankaŭ al Lupo mem, prirakontis la renkonton.

— Iras mi — ŝi diras — apud la arbaro, rigardas, kaj jen, tie ia sinjoro, grizbarba, kun okulvitroj, ĵetas sakon super kardojn kaj kaptas muŝojn aŭ ion similan. Mi haltas malantaŭ arbetaĵo kaj rigardas kion li faros plu. Kaj li sidiĝas tere kaj komencas grati, fosi, ion li elprenas, ion li kaŝas... Ŝajnas, ke homo cerbe ne kompleta. Mi ĉirkaŭiris lin de malproksime; prefere estas ne renkontiĝi kun tia muŝkaptulo.

La raporto de Paranjo ne estis kompleta. Sinjoro Lupo volis ankaŭ scii, kion tiu nekonato kaŝadis aŭ fosis, al kiu li signalis per tiu flago aŭ sako, ĉu iu povis tion percepti, — Paranjo eĉ mem ektimiĝis pro tiuj esploroj, sed ŝi povis nenion plu diri. La postenestro, zorga pri la paco de la ĉirkaŭaĵo konfidita al lia gardo, tuj alvokis sian policiston, Franciskon Borilo, kaj ordonis al li tuj trovi la muŝkaptulon kaj konduki lin al la policejo.

Dum tio okazis, laŭ la Dniestra bordo, super la akvo, iris soldato de limimposta bataliono, Vojtek Rapo, kies devo estis gardi ke iu el Bukovino ne kontrabandu trans la Dniestron brandon en Orientan Malgrandpolujon. Jen, tiu Vojtek ekvidis sur Dniestra roko mirindan strangaĵon: griza sinjoro, kun okulvitroj, svingis blankan saketon sur bastoneto — kaj ĝuste en la direkto de Bukovino: unuan, duan fojon, trian fojon, poste li enrigardis la sakon, tiris el la poŝo botelon, sidiĝis tere — kaj ne sciate kion li faris plu, ĉar de malproksime tio ne estis videbla. Vojtek Rapo komprenis sian servon kaj kvankam li tre malvolis rampi la krutan flankon de la bordo, la devo ordonis al li observi de proksime tiun suspektan sinjorulon. Nenia dubo: tiu svingado per flageto en la direkto de Bukovino estis plensignifa, — li donis signalon al kontrabandistoj alibordaj, ke ili eklaboru je la tria nokte.

La muŝkaptulo sidis sur ŝtono kaj venenis per alkoholo ian papilion, kiam Rapo haltis apud li kaj diris minace:

— Kion vi faras ĉi tie?

— Ĉu vi ne vidas? — respondis la muŝkaptulo.

— Jen rumana brando, kiu staras apud vi?

— Mi ne scias. Provu!

Rapo levis la botelon kontraŭ la sunon, ektrinkis abunde kaj ŝmacis.

— De kie vi havas tiun brandon?

— Mi aĉetis.

La muŝkaptulo trankvile kaŝis la papilion en la skatolon kaj rigardis la soldaton iom mirante, iom scivole.

— Kiu vi estas? — demandis plu la soldato.

— Profesoro de la krakova universitato.

— Diru tion al iu pli malsaĝa, ne al mi!

— Bone, se mi trovos tian, mi diros.

Rapo ne rapidis respondi, sed demandis plu:

— Kial vi svingis trifoje per la flago en la direkto de Rumanujo?

— Ĉar tio estis necesa.

— Nu, do mi arestas vin.

La muŝkaptulo ne kontraŭstaris.

En la sama momento, kvazaŭ vokita, venis rapide policano Borilo. Rapo rakontis al li ĉion kion li vidis, — kaj ambaŭ tre ĝojis, kapti tian necertan gaston.

Rapo restis apud Dniestro, kaj Borilo ne longan faris ceremonion kun la nekonato, nur ordonis al li iri antaŭen.

— Rapidu, rapide, ĉar multan tempon mi ne havas. Mi jam sufiĉe kuradis pro vi kiel hundo.

— Ĉu mi petis vin pri tio? — defendis sin la muŝkaptulo.

— Ne ŝercu kun mi, — respondis la policano severe, — ĉar ŝercojn mi ne komprenas.

Muŝkaptulo eksilentis.

En la policeja korto iradis Paranjo. Kiam ŝi ekvidis la muŝkaptulon, tuj ŝi ekkuris al sinjorino Lupo:

— Iras, iras la sama, kiun mi vidis apud la arbaro.

Sinjorino Lupo elkuris balkonon, por ekrigardi la mirindaĵon. En vilaĝo vivi estas tre enue, tial ĉiu novaĵo interesis ŝin.

Venis la muŝkaptulo, lin sekvis la policano, ambaŭ

## LA CIGNO VESPERA

Al la kristalaj lagoj mire diafanaj
Kie melodie fulmas skvamoj oraj,
Tra l' rigidaj fundoj malvarme-okulaj,
Kie jam ekdormis ĉielarkoj helaj,
La cigno nigra elnaĝas fiere
El la silenta senlimo.

Mirinda estas flugo de l' krepuska horo,
Kiam oriento vualon misteran survestas,
Kaj la aero intense-safira tute kvietiĝas,
Kaj okcidenton dekoras ŝaloj skarlate broditaj,
Kaj la vespera al tero sin klinas
Silento senlima.

Subtile netaj arbaj siluetoj
Dorme ripozas sur oniksa fono de l' musko...
La arbojn sorĉis krepusko de l' horo...
Inter la branĉoj nigreplumaj birdoj ekdormis,
Kaj la arbaron magnetizas, lulas
Silento senlima.

En nubo aroma de l' amo de l' sveno
La sinon lukse veluran nudigas
La floro blanka, funebron reĝan sorbanta...
El sonĝaj, ombraj manoj de l' vespero
Falas la revema, arĝenteflugila
Silento senlima.

Tial ekdormis mira kristal' diafana,
Kaj melodias oro de l' skvamoj sur lago,
Kie aera intensa safiro sin banas,
Kie ĉielarkoj jam ekdormis helaj
Kaj cigno nigra elnaĝas fiere
El la silenta senlimo.

*M. Kalina*

ŝvitantaj, ĉar ardis varmego. Sinjorino Lupo haltigis la policanon.

— La edzo dormas post tagmanĝo, atendu! Iru al kuirejo, tagmanĝi! Tiu sinjoro ja ne forkuros.

— Li nur provu, mi lin atingos per kugleto — ekminacis Borilo, kisis apetite al la sinjorino la manon, ekridetis, palpebrumis al ŝi kaj foriris al la kuirejo.

Sinjorino Lupo sekvis lin, sed post momento denove li revenis en la balkonon, ĉar ŝin tre logis la babilado kun la muŝkaptulo. Tiu sidis sur benko, viŝadis sian tutan kapon per poŝtuko, poste purigis la okulvitrojn kaj spiris profunde, — videble li laciĝis. Li aspektis tre malfeliĉe: ordinare vestita por vojaĝo, polvita, kun poŝego surŝultre, lada skatolo fronte kaj dua poŝego maldekstre; — bastono kaj reto por insektoj staris apogite al la muro.

Sinjorino Lupo komencis interparolon:

— Vi venis ĉi tien el Krakovo?

— Jes.

— Por kio?

— O, sciu, tie ĉi ĉe vi estas belegaj „flora" kaj „faŭna" — kaj ĝin mi volis vidi.

Sinjorino Lupo ekmiris:

— Belega Flora kaj Faŭna — ĉi tie ĉe ni? Mi ne aŭdis pri ili. Ĉu ili loĝas tie ĉi?

La muŝkaptulo ekrigardis sinjorinon Lupo kaj respondis trankvile:

— Tio estas neniaj homoj, nur la tuta mondo planta kaj besta. Vi havas tie ĉi en viaj Dniestraj valoj mirindajn maloftajn plantojn, papiliojn, lacertojn, serpenton de Eskulapo, .. Jen, se iu trovus por mi tiuspecan serpenton, mi bone pagus. Verŝajne ili estas jam maloftaj ti ĉi.

— Kaj ĉu apud Krakovo ili mankas? — diris sinjorino Lupo. — Mi ja lernis, ke sub la Vavelo, en kaverno estas eĉ terura drako.

– Estis iam, — respondis la muŝkaptulo, — nun ĝiaj posteuloj disrampis ĉe la limoj kaj atakas la trankvilajn homojn.

Sinjorino Lupo ekmemoris la vortojn de Paranjo, ke al tiu ĉi muŝkaptulo io mankas spirite — kaj ŝi malantaŭpaŝis al la pordo por, ĉiuokaze, povi sin rapide kaŝi. Sed kiel edzino de policisto, ŝi opiniis sia devo gardi lin, ĝis Borilo jam tagmanĝis kaj la edzo estos sufiĉe dorminta.

La muŝkaptulo elpoŝigis ian manĝaĵon kaj ekmanĝis. Dume al la ĉambro eksonis tondra voĉo de postenestro Lupo:

— Karonjo! — Jen li vokis la edzinon.

Karonjo enkuris la ĉambron, restis tie momenton, poste vokis Borilon el la kuirejo kaj ambaŭ invitis la muŝkaptulon en la kontoron, kune kun ĉiuj liaj sakoj kaj instrumentoj. Komenciĝis esplorado, kiun krom Borilo ĉeestis ankaŭ Karonjo, ĉar en vilaĝo enue estas vivi, kaj jen okazas novaĵo.

— Legimitaĵo! Nepre! — tondris tuj ĉe la eniro la grasa Lupo.

La muŝkaptulo prezentis ĝin kaj modeste atendis apud la pordo, — neniu petis lin ke li sidiĝu. Lupo rigardis la legitimaĵon kaj la muŝkaptulon, observis la sigelojn, meditis — kaj fine decidis:

— Ĝi povas esti vera legitimaĵo, nepre! sed ĝi povas esti ankaŭ falsita. Ni konas tiajn ruzaĵojn. Tie ĉi vagas en la ĉirkaŭaĵo diversaj bolŝevikoj kaj ukrainoj — kaj ĉiu havas ian legitimaĵon kun sigeloj. Kaj mi respondas pri la ordo — nepre! Kial vi ne anoncis vin en la starostejo kaj en la distrikta polica komandejo kaj ĉe mi?

— Ĉar al mi ili ne estis dumvoje.

— Ne dum-vo-je — ripetis moke Lupo. — Borilo, faru revizion!

Borilo prenis de la profesoro la grandan ladan skatolon kaj kun eksvingo li elŝutis el ĝi sur la liton de Lupo ĉion kion ĝi enhavis. Tie estis tri orbrilaj lacertoj kun bluetaj kapoj, unu serpento kaj du angvisoj. La lacertoj tuj forkuris de la lito sur la plankon kaj la serpento, kun la angvisoj, disrampis tra la lito serĉante vojon sur la teron.

— Helpon! — ekkriis sinjorino Karonjo kaj ĵetis sin al la pordo. Sinjoro Lupo ankaŭ forsaltis de la lito, kaj Borilo estis la unua en la vestiblo. Pro la krio alkuris ankaŭ Paranjo kaj kune kun la sinjorino ŝi faris tian tumulton kvazaŭ io terura estus okazinta.

— Serpentoj, viperoj en la domo! Ho, kie nun ni dormos?

— Ne timu! — trankviligis ilin la profesoro. — Ili estas tre senkulpaj kreitaĵoj. Ĉu permesite al mi repreni ilin?

— Prenu al la diablo tiun viperaĵon! Nepre! — ekkriis kolere sinjoro Lupo. — Ankoraŭ tio mankis en mia hejmo! Kial vi ne diris kion vi havas en la skatolo?

— Nu, se revizio, do revizio! Vi min ne demandis — defendis sin la profesoro kaj kaŝis denove ambaŭ angvisojn en la skatolo.

Dume la serpento kaj ambaŭ lacertoj subrampis la liton de sinjoro Lupo. La profesoro kuŝiĝis sur la planko, enrigardis sub la liton, petis doni basto-



Rubens: Castor kaj Pollux — München: Pinakotheka

non, serĉis per ĝi la forkurintojn — nenio helpis. Poste li mem la liton formetis de la muro, — nenio estis tie.

— Ili aŭ enrampis tiujn ĉi truojn apud la muro, aŭ estas en la lito, — klarigis li la aventuron tute trankvile, — domaĝe pri tiu serpento, belega ekzemplero ĝi estis.

Dume ankaŭ sinjoro Lupo lamentis: „Kie mi dormos?!“ Kaj lia edzino kaj Paranjo kuris en la korton, ĉiam rigardante sub la piedojn, ĉu ne postrampas ilin la „viperaĵo“.

— Mi diris al la sinjorina moŝto — parolis Paranjo — ke li estas necerta homo. Por kio taŭgas al li tiuj viperoj? Kaj li ne timas! Prenas ilin en la manon! Sorĉisto!

Sinjoro Lupo grandanime rezignis pri la plua revizio koncerne la muŝkaptulon, ĉar nun pli gravis la revizio de la propra lito, li eliris en la korton kaj ordonis:

— Borilo! Ĉi tie en la vilaĝo estas judo Holder, kiu alveturis por bovidoj. Trovu lin nepre kaj sur lia veturilo vi, kun ĉi tiu sinjoro, veturos en la urbon. Tie transdonu lin al la sinjoro komisario, ke li faru plu kion li mem volas! Nepre! Kial mi sekigu mian kapon? Sed estu singardema, ĉar eble li estas efektiva profesoro, tiam li povus havigi al ni malagrablaĵojn. Komprenite?

La alurba vojaĝo sur veturilo kun bovidoj ne estis tiom malagrabla kiom supozis la muŝkaptulo, ĉar intertempe li sukcesis instrui Borilon, ke la apuddniestra regiono per sia „faŭno“ kaj „floro“ similas la nigramaran kaj tiun de la maro Mezotera. Ĉi tie troviĝas papilio *Saturnia Pyri*, ĉi tie estas floro *Cypripedium calceolus, Pulsatilla pratensis, Amygdallus, Iris aphylla* samspeca kiel en Sicilio, *Adonis*, akacioj, fama *Ephedra dystychia* — restaĵo de antaŭdiluvaj vegetaĵoj, belegaj lacertoj ... Kelkion el tio montradis dumvoje la profesoro, aŭ elprenadis el siaj skatoloj.

Oni devas konfesi, ke policano Borilo dum tiu leciono nur unufoje kaj nur por momenteto ekdormis, pro kio rekompence li permesis al la profesoro elveturiĝi kaj kapti belegan adonison, kion li ekdeziris kiel infano.

Ĉe la policejo en la urbo ĉio okazis multe pli glate, ol en la vilaĝo. Tie, antaŭ ĉio, estis policisto el Poznan, el germana lernejo, kaj tiu petis sidiĝi la profesoron, ĝis venos la estro. La estro Kazimiro Kornfeld, kiu jam sendis peton por ŝanĝo de sia nomo je Kornieviĉ, ĉar lia fianĉino ne volis edziniĝi kun Kornfeldo, montriĝis preskaŭ mondano. Enirinte la kontoron, li silente akceptis de Borilo la Lupan skribaĵon, kaj de la profesoro lian legitimaĵon. Ne dirinte vorton li altabliĝis, ekfumis cigaredon kaj enprofundiĝis dum kelkaj minutoj super la legitimaĵo; poste malrapide kaj serioze ekdemandis la profesoron:

— Ĉu vi scipovas legi kaj skribi?

— Mi scias! — respondis ĝoje la profesoro.

Post tiu respondo Kornieviĉ denove profunde enpensiĝis. Lia servo ordonis kredi al neniu, sed estis okazoj kiam ne kredi estis danĝere — kaj tiam oni devis ĝisfunde primediti. Fine leviĝis Kornieviĉ de la seĝo, ankoraŭ foje ekrigardis la fotografaĵon en la legitimaĵo kaj la profesoron kaj demandis:

— Ĉu vi havas en ĉi tiu urbo konatulon kiu atestus vian identecon?

— Eble troviĝos iu — respondis la profesoro. — Kiu studis en la Krakova universitato, tiu povas min koni. Eble estas kuracisto?

Kornieviĉ enrigardis ian kajereton:

— Doktoron Smolynskyj vi konas?

— Jes.

Kornieviĉ sendis voki doktoron Smolynskyj kaj denove ekpensis.

Kuracisto Somlynskyj estis malfavore enskribita ĉe la polico, li estis ukraino, kiu sidis monaton en aresto, kaj al kiu oni ne sukcesis pruvi la kaŭzon de lia malliberigo, — do li tute ne ekĝojis esti vokita al la policejo. Estas oficejoj al kiuj eĉ anĝeloj irus nevolonte, kaj ni imagu homon kun la krimo esti denaska ukraino.

Feliĉe la vizito ĉe la policejo finiĝis sendanĝere, eĉ gaje. Smolynskyj eniris la pordon kaj ekmiris:

— Sinjoro profesoro, kaj ankaŭ vi ĉi tie?!

— Jes! kaj mi ankaŭ tie, pro studo de podola „faŭno“ kaj „floro“ ... Mi trovis ĉi tie la posteulojn de la subvavela drako ...

La malnovaj konatuloj pro ĝojo eĉ kisis sin, kaj sinjoro Kornieviĉ en tiu kiso aprobis la ateston de profesora identeco, donis al li skriban permeson promeni tra ĉiuj valoj kaj kavoj kaj aŭdiaŭe li eĉ prezentis manpremon.

La profesoron invitis la kuracisto al sia hejmo vizite.

El la ukraina: *Orest Kuzjma*

## *Vizio sur la ponto*

*K. de Kalocsoy*

*Ĝi estis vespero somera, sufoklangvore arda,*
*kiel falinta giganto kuŝis la monto Gerharda*
*malhele kaj timige. Kaj en ĝia subo*
*trankvile rulis siajn ondojn la eterna Danubo.*
*La koro de l' tago, la suno elsangis jam ĉe l' horizonto*
*kaj mortis la tago. Sub funebraj krepuskvualoj mi staris sur la ponto*
*Surborde marŝis la vivo de l' urbo. Hompunktoj rapidis, kuris.*
*Veturiloj tintis, knaris. La stratoj obtuze murmuris*
*la bruon ĉiutagan, grizan, tedan. Sed por mia animo*
*nun ĉio ĝi estis en tiel, tiel granda malproksimo,*
*kaj ŝajnis tiel stranga, nereala, kvazaŭ marcipanaj*
*aŭ papermaĉaj etaj figuroj de ludoj infanaj.*
*Kaj mi rigardis, kiel venas sub mi en senfina, balanca rondo*
*dancante, lule, glite, kirle ondo post la ondo ... [jarcentoj,*
*Kaj mi pensis: tra l' tempoj senlimaj ĝi fluas, jarcentojn sekvas*
*mili' ekstermas, paco benas, naskiĝas, pereas homgentoj,*
*kaj i ĝrulas la akvon, la flavan, potencan, majestan akvokoloson ...*
*Kaj humile mi eksentis en ĝi misteran, grandiozan patoson:*
*patoson de l' Eterno. Mi, pasema, eta hombagatelo*
*super la eterna Danubo kaj sub la eterna ĉielo*
*rigardis ... rigardis ... rigardis ... je strioj taŭziĝis la steloj*
*en la dancaj ondspeguloj ... ekvibris la vido ... ekzumis la oreloj*
*ekiris la ponto ... vualoj ... lulado ... ebria svenemo ...*
*ve! ... en animo ... kia skuo subite ... tra l' dorso kia frostotremo ...*
*La ondoj ... la monto ... la Tempo ... kio? ... jen ... nudaj la bordoj ...*
*sur kanoj muzikas vento ... galopas sovaĝaj hordoj ...*
*sagoj siblaj ... krioj batalaj ... stertoroj ... henoj ... io brulas ...*
*... kaj ku as ... la monto Gerharda ... la ondoj trankvile sin lulas ...*
*Kie mi estas? ... kiam mi estas? ... Dio! ... la Tempo! ... mi*
*Terurite, malvarm' vite manon konvulsian [perdis la mian ...*
*mi kroĉas en la pontokradon feran*
*por min ... por min alĉeni ... por resti ... por reveni*
*en mian ... centjaron ... mizeran ...*

# LA MAJSTROVERKO

JULIO TÖRÖK

Neniam li hejmenvenis malplenmane: inter la multaj senvaloraj var-specimenoj kaj specimenflakonoj li portis ĉiam ion al ŝi, al la Ununura. Tiel li alkutimiĝis ankoraŭ tute june kaj nun, jam forte griziĝante, kun ankoraŭ pli granda zorgemo kaj karesa amo li elektadis la delikatajn ludiletojn, ĉarmajn bagatelojn, artgustajn juvelojn, sentaŭgaĵojn; ĉion pri kio la virinoj kutimas ĝoji. En la flava, porkleda kofro ankaŭ nun kaŝis sin malnova, turkmoda lantuko kaj viena taso kies ekstera parto estis bele herbverda kaj kies kavo brilis en la flava koloro de malnova oro. Kiam li kuregis supren sur la ŝtuparo, kvazaŭ flagris en li la ĝojo, kiom plaĉos al la edzino la ore verda taso, la multkolora, malnova tuko. Li ridetis, ĉar li pensis, tamen estas bone se oni havas iun, al kiu oni povas donaci.

Ridetante li paŝis en la antaŭĉambron, kie akceptis lin servistino kun plor-ruĝaj okuloj:

— Sinjora moŝto, ho Dio mia . . .

La malgranda hometo mallevis la kofrojn kaj ektiminte, terurite li ĉirpadis kvazaŭ birdeto:

— Ĉu iun trafis io? Marinjo, diru.

Marinjo, al kies ŝultroj apenaŭ atingis la sinjora moŝto, sekigadis siajn larmojn kaj kapjesis.

La koro de la sinjora moŝteto tordiĝis. Li mallevis ambaŭ manojn kaj kaptis en sia turmento la tenilojn de la du kofroj.

— Ĉu ŝi malsana? Tre malsana? — li demandadis kaj tremante svingis la kofrojn.

Marinjo staris kaj atendis iom, poste ekskuis la plorego ŝian simplan sinon:

— Ne malsana, ŝi eĉ ne estis malsana, subite venis ĉio . . .

Kun siaj kofroj kuregis la fulmfrapita homo en la dormoĉambron, sed tra la malvasta pordaperturo vane li tiregis post si la led-tenujojn de la varspecimenoj kaj specimenflakonoj. Ĉetere ja ne necesis iri pli internen. Ankaŭ de tie ĉi oni povis vidi la Ununuran. Tie ŝi kuŝis, sur la kanapo, en viola fusten-negliĝo, kun pala vizaĝo kaj duonfermitaj, vitraj okuloj. Ŝiaj senkorsetaj ampleksaj brustoj disfluis; en unu mano, en la bela, tolblanka mano ŝi premadis modgazeton; ĉe ŝia kapo, en ora kaĝo, terurite saltetis flava kanario kaj ĉi tiu birdo estis la sola viva estaĵo krom la malgranda hometo en la ĉambro.

— Ĉip-ĉip, — diris la kanario kaj per la flugiloj ĝi frapadis la kaĝon.

— Renata, kara bona Renata, trezoro, — pepadis dolore la edzo kaj skuis la kofrojn.

Renata, kiun iam honorindaj kaj esperplenaj gepatroj nomis Roza, ne moviĝis. Ŝi ne levis la manon kun monduma pozo al la lipoj de la edzo, ne malfermegis la revan, verdetan okulparon. La hometo mallaŭte komencis plori. Varmegaj, puraj larmoj ruliĝis malsupren sur lia vizaĝo kaj, ĉar ankoraŭ ĉiam li premadis la ledkofrojn, eĉ deviŝi li ne povis la larmojn. Tiel li staris, kiu scias kiom da tempo, kiam Marinjo kovris lian vizaĝon per pura, blanka tuko kaj prenis de li la kofrojn. Tra la freŝa siringodora blanka tuko demandis la sinjora moŝto:

— Kiam, Marinjo kiam?

— Hodiaŭ posttagmeze . . . ĉi tiun modgazeton ŝi rigardadis ĝuste. Eĉ tiom ŝi ne diris ke *a* aŭ *bo* kaj jen, bonvolu vidi.

— Mi vidas, ho Dio mia, kvankam kiel belega ŝi estis, kiam mi foriris. En la griza kostumo. Kiel belega virino ŝi estis. Kaj ĝuste en negliĝo okazis tio. Renjo, en negliĝo . . .

Li rigardis al la muro, kie pendis la olekopiaĵo ŝatata de Renata kaj en ĉi tiu momento ankoraŭ pli terurite li sentis, kiel kruela kaj malica estas la sorto. Kio estis la titolo de la bildo, neniu sciis tion; kion ĝi figuris propre, ankaŭ la malgranda hometo ne sciis tion. Maldekstre, sub la foliaro de l'arboj vestintaj sin en la oron de l'aŭtuno, sidis sinjorinoj, kun dekoltitaj vestoj, virinoj belaj, blondaj. Ili malfermis la brakojn kaj en la dekstra angulo fervestita rajdanto pasis kun klinita kapo sur ebon-nigra ĉevalo al la foraj, mistere bluaj montoj, al la fortikaĵo perdiĝanta en nebulo. Tia estis la bildo antaŭ kiu la edzino meditadis, kelkfoje eĉ tutajn kvaronhorojn, kaj foje la sinjora moŝteto klare vidis ke larmoj bri-



Rubens: Adam kaj Eva — Madrid: Prado

lis en ŝiaj grandaj okuloj. Li ne koleris ŝin pro tio, li eĉ trovis la revadon tre bela: same, kiel li estimis kaj admiris ĉion, kion faris aŭ diris la virino du kapojn pli alta ol li. El la profundo de l'koro, el la sincereco de l'konvinkiĝo ĝermis ĉi tiu admiro kaj teraj aferoj neniam povis ĝin nebuli. Dum du jardekoj manĝis Renata apud li kun avida manĝegemo, vestis sin kun krianta sengusto, kriadis per malagrabla gorĝvoĉo kaj li rigardis ŝin tamen la ununura noblanima sinjorino. Ŝi trograsiĝis, malbeliĝis; antaŭ la malgranda sinjora moŝto oni faris tre kompreneblajn aludojn pri certaj junuloj kaj tamen nun, rigardante la bildon kun la mistera suĵeto, li apenaŭ povis elporti la kruelan mokon de l'sorto.

— Ho, Dio mia, — li flustris, — mia Renjo en negliĝo elspiris sian puran animon.

Milda vespero falis sur la ĉambrojn de la malgranda hometo kaj lian koron karesis la larma memoro. Li ne povis vespermanĝi, nur iom da salato kaj panero li ungumis afliktite. Ankaŭ ekdormi li ne povis, Marinjo vane metis liton por li sur la kanapo de la manĝoĉambro. Pri ŝi li pensis kaj ŝin li vidis, se li malfermegis aŭ kunpremis la palpebrojn. Li ekbruligis kandelon, sidiĝis ĉe la tablo kaj komencis koncepti per kopikrajono:

„Kun la profunda doloro de la malĝojiĝinta koro kaj kun tia malespero ke tion oni"...

## NOKTA KANTETO

En mia ĉambro sidas mi  
en la arĝenta lampa lumo;  
laciĝis mi, ripozas plumo:  
mi revas, amatin', pri vi.

Vi certe dormas kun kviet';  
vin dum la nokto ne turmentas  
doloroj, kiujn mi plensentas  
kaj vi ne scias, knabinet'.

Mi preĝas al la bona Di',  
ke vi feliĉa tiel restu  
kaj ke doloroj tiaj estu  
mistero ĉiam antaŭ vi.

## EN ORA MAR'...

En ora mar' la suno dronas  
ĉe l' horizont'  
kaj la vespero disburĝonas  
super la mond'.

En la silent' la lud' ektrilas  
de kana ŝalm',  
kaj ĝia rava kant' similas  
al pia psalm'.

JAN VAN SCHOOR

Li meditis, ĉi tiun linion li forstrekis kaj rekomencis:

„Kun la profunda doloro de la malĝojiĝinta sino kaj kun la nepriskribebla malespero de l'koro mi anoncas ke mia noblakora vivkunulino, mia tielnomata Ununura, kiu same kiel..."

Li ne povis daŭrigi. Larmorivereto nebulis lian rigardon kaj tra la varmega akvofalo li ne vidis la literojn, sed la vizaĝo de la Ununura senĉese ŝvebis antaŭ li. Li prenis la kandelon, paŝetadis en la dormoĉambron. Li eklumigis la misteran ole-kopiaĵon sur la muro kaj nun li sentis ankoraŭ pli ke terura maljusteco okazis tie ĉi. Kelkajn momentojn li flankumis dekstren, maldekstren, ŝanceliĝante kvazaŭ flamo de kandelo, poste ekiris al la granda ŝranko. Li malfermis ĝin kaj kaskado de vestoj falegis sur lin. Troviĝis tie verda, blua, viola, nigra, ruĝa, flava, peza kaj malpeza silkoj. Sed ne ĉi tiujn li serĉis. Li preskaŭ perdiĝis en la grandega amaso, kiam li retrovis blankan brokaton. Triumfe li trenis ĝin en la mezon kaj liaj larmoj ĉesis flui. Febre li ĉirkaŭiradis iomtempe la kanapon kaj poste, kvazaŭ petante pardonon, milde li klinis sin super Renata.

— Ununura mia, — li flustris tremante pro ekscito, — tiel terura estas ĉi tiu viola negliĝo.

Post unuhora lukto li falegis sur seĝon. Renata ripozis en sia fianĉina brokatvesto, en korseto, kun blankaj ŝuetoj sur la piedoj, kun mirta krono en ŝiaj dismetitaj haroj. La malgranda hometo volis kovri per la vualo la vizaĝon de la Ununura, kiam lian malfortan koron denove pugnopremis la doloro. En fianĉina brokato, sur la kapo kun mirto, palvizaĝa, blu-lipa virino kuŝis antaŭ li. Malesperiĝinte, la kapon flankenklininte sidis la edzo kvazaŭ ĉagrena birdeto. Tiel klare li sentis denove la maljustecon kiu sufokis lian gorĝon, ke li komencis larmi.

Longe li luktis kun siaj larmoj, poste, kvazaŭ lunatiko, denove li stariĝis, ĉirkaŭiris la ĉambron.

Li eltiris la tirkestojn kaj serĉis, esploris. Malplenaj ŝmiraĵujoj, elsekiĝintaj pimpaj flakonoj trafis lian manon. Sed ŝajne ne ilin li serĉis. Fine li ekgenuis kaj malligis la rimenon de l'kofroj. Piece li elprenis la or-verdan vienan tason kaj la malnovan multkoloran turkan tukon. Li ankoraŭ ne sciis kion li faros, li nur prenis kaj metis maŝine. Li elprenadis dekduojn da specimenflakonoj, ŝmiraĵujojn, porcelan-tenujojn plenmanope. El blanka siring-parfumo li abunde verŝis en Kolonjan akvon, malsekigis sian poŝtukon kaj milde traviŝis la vizaĝon de la Ununura Lian malfortan koron, kaduketan korpon kaptis denove la febro kaj li eklaboris rapide, tremante pro ekscito. La plej delikatajn kremojn li elsercis kiujn li tiomfoje ofertadis, la plej mirindajn ruĝojn kiujn li tiomfoje laŭdis en ĉiu parfumejo de l'provinco. Sur la pinton de siaj subtilaj fingretoj li prenis blankan kremon, disfrotis spirdelikatan rozkoloron. Spiregante, kun plena sindono li spiris sur la brov-nigrigan krajonon, por ke pli egalmaniere kaj mole ĝi kolorigu kaj kelkfoje li paŝis reen, kiel la pentristoj kutimas tion antaŭ sia tolo, por ke li pli bone vidu, trarigardu la vizaĝon de la Ununura.

Ekstere per ruĝa ŝminko ĉiela oni jam estis pentrintaj la vizaĝon de l'firmamento, kiam li pretiĝis.

Inter katarakto de floroj kaj girlandoj, en metalĉerko ripozis Renata. En blanka brokato, kun mirto

sur la frunto kaj kun la vualo sur la vizaĝo ŝi ŝajnis milda fianĉino. Ŝia vizaĝo vidiĝis nur nebule tra la vualo kaj estis blanka kaj rozkolora, kiel en ŝia edziniga tago. La fianĉina vesto virge ĉirkaŭprenis ŝian talion. Tion neniu vidis ke la korseton renverse ŝi surhavis, ke la brokatan veston dorsflanke kunkroĉi ne estis eble.

Ŝiaj ĉikanemaj parencoj, malamik-koraj bon-amikinoj amase venis kaj kun muta admiro, eĉ en tia stato kun envio rigardis ŝin. Tamen, ĉar ili sciis ke ŝi forlasas ilin por eterne, ili ne ŝparis al ŝi la laŭdojn:

— Mirinde, — ili diris flustre, — tute nekompreneble, Roza estas tia, kia antaŭ dudek jaroj.

— Kiel la rozo, la plej bela, pala rozo...

Maljuna onjeto ekparolis kun sinceraj larmoj:

— Belega, neniam ankoraŭ mi vidis tiel belegan mortinton.

La malgranda hometo kaŝis sin inter la luksaj kreskaĵoj kaj kiel la skulptisto aŭ pentristo, tremante li esploris, kiel oni miras pri la Ununura.

— Belega, belega, — oni flustris ĉirkaŭ li.

— Belega, — li ripetadis inter siaj larmoj kaj en la profundo de lia koro luktis la doloro kun la fiera ĝojo, — mia Ununura estas belega!

El la hungara: *Karlo Bodó*

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: EL LA LETEROJ DE RUBENS

En la korespondado *Rubens* (1577—1640) estis same admirinde fekunda, kiel en la pentrado. El la nomaro de la personoj korespondintaj kun li oni prikalkulis, ke li skribis ĉ. 8000 leterojn. El ĉi tiu granda amaso postrestis nur 200 leteroj, sed ankaŭ ili donas grandvalorajn informojn por la kono de lia arto.

Ĉi tiuj leteroj rilatas parte al liaj diplomatiaj komisioj, parte al liaj privataj aferoj. La plej granda parto de la leteroj estas itallingva, ofte flandra, aŭ latina; la hispanaj estas tradukitaj, ĉar li ne scipovis ĉi tiun lingvon; pleje la franca estis lia diplomatia lingvo.

Nin pleje povas interesi liaj privataj leteroj Inter ili unu el la plej gravaj estas la letero sendita al *Sir Dudley Carleton*, ĉar ĝi donas al ni profundan enrigardon en lian laborejon; ĉefe interesa estas la listo aldonita, ĉar ĝi montras al ni laŭ la vero la multe pridiskutitan kunlaboradon de liaj disĉiploj. La adresito estis ambasadoro de la angla reĝo en *Haga*. En *Venecio* li akiris riĉan kolektaĵon de antikvaj skulptaĵoj. En Nederlando li ekŝatis la olepentraĵojn kaj volis ŝanĝi sian kolektaĵojn por bildoj. Rubens, kiel fervora kolektanto, rekomendis al li pentraĵojn por la skulptaĵoj. Jen:

Ekscelenca Sinjoro, per mia komisiito mi sciiĝis, ke via Ekscelenco havas emon por negoce interrilatiĝi kun mi kaj pri ĉi tiu negoco mi havas bonan esperon, ĉar mi vidas, ke via Ekscelenco lojale agadis, dirante al mia komisiito la veran prezon, kiom kostis la antikvaĵoj kaj pri tio mi fidas je via kavalira vorto. Mi estas ema kredi ankaŭ tion, ke vi faris la aĉeton kun plena prijuĝo kaj lerteco, kvankam la grandsinjoroj iafoje malprofitas okaze de aĉeto aŭ vendo, ĉar multaj homoj volonte kalkulas al la prezo de l' vendaĵo ankaŭ la rangon de la aĉetanto, sed mi estas malproksime de tia agado. Via Ekscelenco estu konvinkita, ke mi kalkulos la prezon de miaj pentraĵoj same, kvazaŭ ili estus vendataj por kontanta pago kaj mi petas pri tio bonvole fidi je vorto de honesta homo. Jus estas ĉe mi hejme la plej bona parto de miaj laboraĵoj, ĉefe kelkaj bildoj, kiujn mi retenis je mia ĝuo, eĉ tiaj, kiujn mi reaĉetis pli multekostaj ol mi estis forvendinta ilin al aliuloj. Sed ĉiuj ĉi tiuj estas disponigataj al via Ekscelenco, ĉar mi ŝatas la rektajn negocojn, kiam ĉiu parto samtempe ricevas kaj transdonas la sian. Sincere dirite, publikaj kaj privataj laboraĵoj tiel superverŝas kaj okupas min, ke dum kelkaj jaroj mi ne povas disponi pri mia persono mem, tamen, se ni — kiel mi esperas — interkonsentos, mi nepre finpretigas ĉiujn tiujn pentraĵojn, kiuj eble ankoraŭ ne estas finlaboritaj. Sed granda parto de l' bildoj registritaj en la aldonita listo, estas finpretigitaj kaj tiujn, kiuj estas pretaj, mi tuj forsendus al via Ekscelenco. Resume, se via Ekscelenco havas je mi fidon tiel, kiel mi fidas je via Ekscelenco, estas preta la afero, ĉar mi konsentas, ke el miaj pentraĵoj sube registritaj ĝis la valoro de sesmil guldenoj — por prezo kalkulita laŭkutime en kontanta pago — mi donu al via Ekscelenco por tiuj ĉiuj antikvaĵoj, kiuj estas en la posedo de via Ekscelenco, kvankam ilian liston mi ankoraŭ ne vidis, eĉ ilian nombron mi ne konas, sed ĉiel mi fidas je via vorto. La pentraĵojn, kiuj estas pretaj, mi tuj transdonos al via Ekscelenco kaj pri la ceteraj, kiuj por finpretigo ankoraŭ restas inter miaj manoj, mi donos al via Ekscelenco plenan garantion kaj kiel eble plej baldaŭ mi finpretigos ilin. Ankaŭ ĝis tiam mi konsentas pri tio, pri kio via Ekscelenco interkonsentos kun mia komisiito, sinjoro *Françoys Pieterssen* kaj mi atendas vian decidon, rekomendante min kun plena koro je la bonvolo de via Ekscelenco kaj respekte mankisante. En Anvers, la 28-an de aprilo 1618.

LISTO DE L'BILDOJ ESTANTAJ ĈE MI

| Guld. | | Alt. | Larĝ. en futoj |
|---|---|---|---|
| 500 | La ĉenita Prometheus sur la monto Kaŭkazo kun aglo, kiu ŝiras lian hepaton per sia beko. Originalo pentrita per propra mano, la aglo estas farita de Snyders [1] . . . . . . . . . . | 6 | 8 |
| 600 | Daniel inter multaj leonoj, kiuj estas pentritaj prinature. Originalo pentrita plene per mia propra mano [2] . . . . . . . . . | 8 | 12 |
| 600 | Leopardoj pentritaj prinature, kun satiroj kaj nimfoj. Originalo pentrita per mia propra mano, escepte la tre belan pejzaĝon, kiun pentris ĉifaka majstro . . . . . . . . . . | 9 | 11 |
| 500 | Leda kun la cigno kaj Cupido. Originalo pentrita per mia propra mano . . . . . . . | 7 | 10 |

| Guld. | | Alt. | Larg en futoj |
| --- | --- | --- | --- |
| 500 | Kristo sur la kruco, en laŭnatura amplekso, kiu eble estas rigardata kiel la plej bona verko, kiun mi pentris . . . . . . . . . . . . | 12 | 6 |
| 1200 | La lasta juĝo. Unu mia disĉiplo komencis ĝin laŭ bildo, kiun mi pripentris laŭ amplekso multe pligranda por la majesta moŝto princo Neuburg'a, kiu pagis por ĝi trimilkvincent guldenojn kontante. [3] Ĉar ĉi tiu ne estas finpretigita, propramane mi tute prilaborus ĝin, ke ĝi estus kiel originalo . . | 13 | 9 |
| 1200 | St Petro elprenas la stateron el la buŝo de l'fiŝo, por pagi la imposton, ĉirkaŭ li aliaj fiŝistoj, pentritaj prinature. Originalo pentrita propramane [4] . . . . , . . . . . . . . | 7 | 8 |
| 600 | Ĉasado, kun rajdantoj kaj leonoj de unu mia disĉiplo, laŭ mia bildo, kiun mi pentris por la bavaria Moŝto. Propramane plene prilaborita [5] . . . . . . . . . . . . . . . . . | 8 | 11 |
| 50 | La dekdu apostoloj, kun Kristo, de miaj disĉiploj, laŭ tiuj originaloj, kiujn mi mem pentris por princo Lerma. Ĉiujn mi prilaboros propramane [6] . . . . . . . . . . . . . . | 3 | 4 |
| | Bildo de Achilles, en virina vesto, de mia plej bona disĉiplo, kaj propramane tute pripentrita. Tre ĉarma bildo, kun multaj | | |
| 600 | belaj knabinfiguroj [7] . . . . . . . . . . . . . . . . | 9 | 10 |
| 300 | Nuda St Sebastiano, pentrita propramane [8] | 8 | 7 4 |
| 300 | Suzano, de unu mia disĉiplo, sed propramane tute prilaborita . . . . . . . . . . . | 7 | 5 |

*

El la bildoj Carleton transprenis 8, kaj la antikvaĵoj iĝis posedaĵoj de Rubens, de kiu aĉetis ilin post kelkaj jaroj princo Buckingham.

[1] Frans Snyders (1579—1657), fama bestpentristo. Ofte kunlaboris por R. La bildo nun estas en la muzeo de Oldenburg.
[2] Nun en la kolektaĵo Hamilton.
[3] Ĝi estis super la ĉefaltaro de l'Neuburg'a preĝejo. Poste ĝi venis en la muzeon de Düsseldorf, fine en la pinakotekon de München.
[4] En Dublin estas la kopio de ĉi tiu bildo de disĉiplo de R.
[5] Ripetaĵo de la „Leonĉasado“ en la München'a pinakoteko.
[6] La originaloj estas en la Madrid'a Prado, la kopioj en la placo Rospigliosi en Roma.
[7] En la Madrid'a muzeo.
[8] En la Berlin'a muzeo.

---

# „PROTEKTU LA BESTOJN!“

RAYMOND SCHWARTZ DE LA „VERDA KATO“



Mi ne plu scias kiu eminentulo dekretis, (li cetere ne estis Esperanta!) ke „Parizo estas la paradizo de la virinoj, la purgatorio de la viroj kaj la infero de la ĉevaloj“, sed mi scias, ke tiu sagaculo estis tute prava... almenaŭ en ĝenerala senco.

Verdire, ja vivetas en Parizo multaj virinoj, kiuj penege perlaboras sian modestan estadon, — verdire ankaŭ, oni renkontas, precipe en la riĉaj kvartaloj, virseksajn individuojn, kiuj ne rajtas plendi pri sia facila sorto, — tamen, la tipe karakteriza trajto de Parizo estas ne nur, ke ĝi posedas la plej belajn virinetojn, kiuj surportas la plej luksajn tualetojn (aŭ almenaŭ partojn de tualetoj!), sed ankaŭ, ke ĝi prezentas samtempe ĉion pri kio virina imago povas revi: distradon, frivolaĵojn ĉiam variantajn. Kaj intertempe la honestaj burĝaj sinjoroj laboras, klopodas, pene kaj ŝvite, por kontentigi la ĉiam novajn virinajn kapricojn.

Sed rilate al la ĉevaloj, — ili estu sindonaj tirbestoj aŭ dorlotataj vetkuristoj, — la supra formulo estas preskaŭ ĉiam senkompate nerenversebla!

Tial la Bestprotekta Societo, kies granda koro pulsas tra la urbo, — ne filantrope, sed „filipe“ — kun laŭdinda intenco metigis sur la fostojn de la stratlanternoj grandajn skribaĵojn kun la bonkonsilaj vortoj:

„*Protektu la bestojn!*“

Certe, estas domaĝe, ke la ĉevaloj ne scipovas legi! Ili havus pri nia civilizacio tre respektan opinion, des pli ke eĉ kelkfoje iu molkora filistro ankoraŭ priatentas la protektajn surskribojn. Kaj tiu ĉi fakto mem estas des pli miriga, ke la diritaj skribaĵoj pro vento, pluvo kaj stratpolvo jam delonge ne plu estas deĉifreblaj, — eĉ malgraŭ la lanternoj!

Sed noblanima homo konas la bestprotektan konsilon parkere.

Kaj la brasikvendisto, kiun mi renkontis tiun tagon, estis noblanima homo. — Estas vere, ke, tirante mem sian veturileton tra la Parizaj stratoj de l'frua mateno ĝis... tuta disvendo de l'brasikoj, li sendube sin sentis iom ĉevalparenca. Mi do tre bone komprenas kial li admonis la buĉistan komizon.

La strato „des Petits-Champs“ estas tre mallarĝa, tro mallarĝa por la multaj veturiloj kaj por la homamasoj kiuj ĉiutage, precipe je tagmezo, ĝin trairas. Kaj jen, precize antaŭ drinkejo haltestaris veturilo kies melankolia ĉevalo estis ĵus mezuranta la avarecon de la homa gento laŭ la malmultaj havengrenoj kiuj sin obstine kaŝis en la fundo de sakforma tukmanĝujo, — tamen, mi preskaŭ ĵure povus aserti, ke tiu ĉevalo ne pensis pri malbono kiam subite ĝi ricevis vangofrapon de preterpasanta buĉista komizo. — Kial?? — Nek mi, nek la ĉevalo povus tion diri!

Kaj la bestprotekta brasikvendisto indignite protestis kiel Homera heroo:

„Jen vi agis inteligente, vi sangosuĉanto!“

La buĉisto, trafita sur la vundebla punkto de sia korporacia honoro, sin turnis majeste kaj malrapide, ĉar korbo plenplena je kotletoj kaj bifstekoj, kiun li portis surkape, konsilis prudentajn movojn, kaj mezurante per fiera rigardo la brasikvendiston li taŭkis:

„Fermu ĝin, kota bufo, aŭ ĉu tio koncernas vin?“

Mi ne provos redoni la sukan dialogon kiu nun sekvis, kvankam estus alloge pliriĉigi la Esperantan Insultan Terminaron je kelkaj bone trempitaj esprimoj odore nuancitaj. — La rapide forĝitaj ĉeneroj de tiu dialogo flugis seninterrompe de l'buĉista komizo al la brasikvendisto kaj returne kiel siblantaj pilkoj lerte kaptitaj kaj tuj samlerte reĵetitaj.

La rondo de l'amatoroj, kiuj ŝatas stratspektaklojn, plidensiĝis, jam homa digo de gapantoj haltigis la

trafikon kaj jam tre klare, laŭ la simpatioj, oni distingis du partiojn, la buĉistanojn kaj la brasikvendistanojn, kiuj avide sekvis la disvolviĝon de l'konflikto kaj kun larĝa rido aŭ aproba „Tre bone! Brave!" substrekis la retorikajn sukcesojn de siaj herooj. Sed ambaŭ kontraŭuloj ŝajnis en tiu fako samgrade buŝolertaj kaj tiam sendube la buĉisto memoris, ke li posedas en siaj muskoloj pli potencajn argumentojn. Li metis sian korbon sur la trotuaron, signifoplene relevis la manikojn kaj kun nekaŝebla intenco iris al la brasikvendisto.

Sed ankaŭ ĉi tiu havis tre potencajn argumentojn, tutan veturilon plenan je argumentoj; — ambaŭmane li ekkaptis dikan florbrasikon kaj, kiam la buĉisto levis la pugnon, li kun forto de l'malespero pafis ĝin bontrafe al la buĉistkomiza vizaĝo, kaj tuj defensive li sin retiris turniĝante ĉiam ĉirkaŭ sia veturileto, sekvata de furioza malamiko kiu ankaŭ siaflanke uzis la brasikan municion. Kun giganta muskola streĉo la buĉisto ĵetegis majestan brasikon al la vendisto kaj ĉi tiu evitis certan nukrompon nur dank' al rapida malapero sub la veturilon, — sed la brasiko daŭrigis sian bolidan flugon kaj jen trafis la bone nutritan ventron de paca burĝo. Kaj tio estis la signalo de l' granda buĉado! Ĉar denun la batalfebro vipe skuis la honoran senton de la partianoj kiuj tuj aktive, jen atake, jen protekte, sin intermiksis. Krom la brasikoj ankaŭ kotletoj kaj bifstekoj fulmis tra l' aero, — plilaŭtiĝis raŭkaj krioj, — veplendaj stertoroj,... sango... kaj — la Polico!

Ok policistoj rapide arestis la brasikovendiston, la buĉistan komizon kaj la plej agemajn partoprenantojn. Ok policistoj kondukis duoble tiom da arestitoj rekte al la kvartala policejo kie oni unue bandaĝis la batalintojn kaj due enkarcerigis...

— — — — — — — — — — — — — — —

Sur la batalkampo en la strato „des Petits-Champs" postrestis nur kelkaj disŝiritaj kolumoj, koloraj kravatpecoj kaj tri ne plu uzeblaj pajloĉapeloj. — Kaj precize antaŭ drinkejo haltestaris veturilo kies melankolia ĉevalo filozofe ridetis. Kaj proksime, sur lanterna fosto, oni povis legi la bonkonsilajn vortojn: „Protektu la bestojn!"

---

# MONDLITERATURA OBSERVO

## GRAFO IVO VOJNOVIĈ

estis preskaŭ la sola drama valoro, konata jam antaŭ la milito, de la kroata scenejo. Liaj du teatraĵoj: La aŭtuna ventego kaj La heliotropa sinjorino estas konataj ankaŭ en eksterlandoj. Post multaj jaroj *Vojnoviĉ* nun denove donas vivsignon per sia nova, pli granda, simbolisma serba tragedio, kiun oni nun prezentis en Belgrad, sed kie la teatraĵo ne estis tiel bone akceptata, kiel serba tragedio estus tion meritinta de la serboj. Ĝenerale la prezentadon oni kaŭzigas pro tiu ĉi fiasko kiu la simbolisman teatraĵon rigardatan drama poemo adaptis por la scenejo per tro realismaj rimedoj. En la teatraĵo mem, kies titolo estas *La morto de la patrino de l' Jugoj*, temas pri la maljuna patrino de la naŭ fratoj Jugoviĉ.

La maljuna Bogdan Jug estas sur la batalkampo kun siaj naŭ filoj. La naŭ edzinoj de la naŭ herooj kun la patrino de la filoj restis en sia fortikaĵo. Sur la kampo *Kosovo*, por la libero sangas la serba popolo. La patrino sendas siajn filojn por batali kaj ne larmas. Inter plorantaj virinoj kaj sangaj viroj ŝi estas heroa simbolo de popolo. Imperiestro Duŝan batalas kontraŭ la turkoj por sia imperio kaj la filoj falas. La patrino akceptas kun sinrego kaj kviete la mortosciigon. Ŝia koro estas el ŝtono kaj ŝi ne havas larmojn. Sed sur la batalkampo vekiĝas kverelo inter la armeestro kaj la vicarmeestroj, la duonluno venkas kaj la imperio de Duŝan disfalas. Nova famo venas en la fortikaĵon. La naŭ junaj virinoj, naŭ vidvinoj kverelas: kiu estas la ĉefa el ili en la fortikaĵo, sed la voĉo de l' patrino faras ordon inter ili. Ankaŭ ili ĝoje akceptas la venkon, ankaŭ ili funebras la mortintojn. Nur unu estas inter ili, kiu tute rompiĝis kaj kun neestingebla sopiro ankoraŭ ĉiam esperas, la edzino de *Damjan: Andjelija*. Dum la nokto de l' granda batalo Andjelija vekiĝas, estas en solo kaj atendas. Damjan aperas. Ĉu li mem aŭ lia spirito? Li volas resti tie por defendi la patrinon, la sendefendajn virinojn, la junajn vidvinojn. Li volas venĝi la honton de l' malvenko. Enpaŝas la patrino kaj kredas vidi la spiriton de Damjan. Sed Damjan vivas kaj la patrino minacas lin per malbeno se li ne reiras la kampon de l' herooj. Andjelija petegas ke li restu. Sufiĉas la gloro kaj la viktima sango. Lin vokas la vivo. Sed li obeas la patrinon kaj Andjelija mortas en liaj brakoj. Kun la resto de sia armeo li ekiras kontraŭ la malamika superforto por morti lasta heroan morton el la naŭ Jugoviĉoj. La tria parto de la drama poemo ankaŭ estas popolkant-devena. La patrino de l' Jugoj aperas sur la ebeno de *Kosovo*. Ŝi promesis al Damjan serĉi lin sur la batalkampo. La martirvirino povas morti nur se ŝi trovis lin. Tie ŝi mortas, sur la kampo *Kosovo*, tie ŝi ekripozas sur la oraj spikoj ĝermintaj el la sango de l' herooj.

Dum monatoj oni preparis sin por la teatraĵo. Antaŭ nelonge en la belgrada teatro estis krizo kiu kunportis la ŝanĝon de la direktoraro. Jam la malnova direktoraro tute pretiĝis pri la teatraĵo. Stilizitajn dekoraciojn oni faris por ĝi, Mirko *Poliĉ* komponis la muzikakompanon kaj *Izajloviĉ*, la reĝisoro de la belgrada teatro, scenumis ĝin, sed al la stilizitaj dekoracioj kaj al la simbolisma valoro de l' poemo li elektis kaj efektivigis tiel realisman ludmanieron kiu, laŭ la serba kritiko, tute fuŝis la teatraĵon.

*—do*

## CARL SPITTELER*

El inter la Nobel-premiitaj verkistoj mortis hodiaŭ unu el la malplej konataj: *Carl Spitteler*. La svisa literaturo havis en Spitteler sian reprezentantan figuron, kiel ankaŭ la svisa pentrarto havis Hodler, sed liaj verkoj ne resoniĝis tiel vastan eĥon, kiel la historiaj freskoj kaj grandaj alegoriaj bildoj de Hodler. La svisa literaturo rekonis Spitteler posteulo de *Keller* kaj *Conrad Ferdinand Mayer*, sed proporcie nur malfrue. Kaj se por *Pontoppidan*, konata ĝis tiam nur en Danio, la Nobel-premio akiris la internacian — kaj unuavice la germanan interesiĝon, Spitteler neniam ekhavis tiel grandan publikon, kiel Pontoppidan dum la pasintaj jaroj.

Spitteler, kiu marŝis sian 80-an jaron, havis renkontojn al *Nietzsche*: renkontojn en la vivo kaj renkontojn en la literaturo. Iom da tempo li staris sub la efiko de Nietzsche, eĉ se ne ĝuste sub la efiko de Zarathustra: kaj li volis revizii la tradician mondpercepton de la greka pratempo. Ĉe tiu ĉi punkto evidentiĝas la influo de la juna Nietzsche; kaj krom tio Spitteler verŝajne ofte foliumis la librojn ankaŭ de *Rhode*, amiko kaj lernejkamarado de Nietzsche, ĉar kvankam Rhode restis fidela al la filologio kaj ne laboris kun tiel aŭdacaj hipotezoj kiel Nietzsche, tamen ankaŭ li vidis alimaniere la grekan kulturon, kaj vidis alimaniere la evoluon de la greka rezonado, ol liaj plej multaj kunuloj inter la profesoroj de la germanaj universitatoj. Spitteler, kiu estis kelkan tempon instruisto kaj ĉiam legis multe, filtris en siajn literaturajn verkojn parte la efikon de siaj legaĵoj.

Sed apud la efikoj de la legaĵoj ankaŭ aliaj efikoj montras sin en la *Prometheus und Epimetheus* kaj en la dekokmil verslinioj de la *Olympischer Frühling*, en la du ĉefverkoj de Spitteler. La *Olympischer Frühling* rakontas la junecon de la grekaj dioj, la tempojn kiam la loĝantoj de la Olimpo ankoraŭ ne estis marmorstatuoj; kaj en la grekaj dioj de Spitteler estas multe da svisa sango, svisa humoro, eble ankaŭ svisa pezmaniereco. Tiun ĉi Olimpon ne kovras misteraj nebuloj: la lumigo estas klara kaj akra, tia kiel en Majo kaj Junio tiu de la svisaj montoj. La *Prometheus und Epimetheus* estas longa vico de malforte kunligitaj parabolaj historioj, kiuj plejparte estas klarvidaj kaj klarsignifaj, vere belaj, kaj vere subtilaj, tamen la markanta trajto de la vera individueco kaj la arta forto de la revivigo ne tute estas la propraĵo de Spitteler.

Krom Nietzsche li estis en proksima interrilato kun *Karl Hauptmann* (poetofrato de *Gerhard Hauptmann*), kun kiu li iris

* La ensendinto de ĉi tiu artikolo eble tro malbonhumore konigas la verkojn de l'fama verkisto. Por mala opinio niaj paĝoj volonte estas je dispono. *(Rim. de l' redakt.)*

kune en multaj direktoj. De la altaĵo de l' Olimpo kaj el la grekaj tempoj kelkfoje revenas Spitteler en sian propran epokon, li verkis interesan biografian romanon, eĉ, unu-dufoje li tuŝis la limon de la naturalista romano. Kvankam ĉi tiuj liaj romanoj estas malpli gravaj, ili elvokis pli grandan eĥon kaj akiris pli multajn legantojn ol la grandaj verkoj de Spitteler.

Ĉirkaŭ Spitteler formiĝis malgranda eklezio kiu volis ellukti apartan rangon por la svisa poeto en la hodiaŭa literaturo kaj ĝi laŭte, unuflankeme anoncis la gloron de Spitteler. Tiuj trojgoj kompreneble ne utilis por li, ĉar kiuj prenis liajn librojn kun grandaj pretendoj, tiuj plejparte trompiĝinte foliumadis ilin.

Spitteler tute certe ne estas tia verkisto, kies librojn oni devas ellegi kun ekscito kaj demeti kun profunda emocio. Sed antaŭ kelkaj jaroj, kiam ankoraŭ estis kutimaj la jenaj estetikaj definicioj, oni estus dirintaj pri Spitteler, ke en la milda lumo de l' vesperiĝo estas bone el iu aŭ alia lia libro legi dudek paĝojn. *lc*

# BIBLIOGRAFIO

## ŜOLANDRO DE WALDEMAR BONSELS

Tradukis dro Edmund Sós. Nova Biblioteko Esperanto. No 2. Eldonejo: Verlag Paul Knepler. Wien. I. Lichtensteg 1.

La libreto enhavas novelon el la interesaj karakterstudoj de l'aŭtoro, kolektitaj sub la titolo „Menschenwege" (Homaj vojoj). Per grandaj kaj subitaj peniktiroj li pentras, per kelkaj duonebriaj dialogoj li lumigas profunde la animon de malprosperinta, disonanca geniulo, viktimo de cirkonstancoj, kiu, per sia granda talento, nenion kreas, kaj pereas mizere dum interbato en drinkejo. Belideaj altaj paroloj kaj malaltaj agoj kontrastas, kaj lasas sur la lango ion amaran postguston de vantaĵo. Kaj dume ofte nin emocias la tuŝita tragika barakto: rompiĝo de grandaj intencoj, cinika indiferenteco kiu kaŝas brulantan vundon. Kiel mizera fariĝas Zarathustra, se li perdas sian sinfidon.

Bedaŭrinde pri la traduko mi ne povas diri nepran laŭdon. Ĉu ĝi pretiĝis tro rapide?

Ĝenaj estas la konstantaj konjunkcioparoj: se . . . tiam. Tre strangaj: „sin mem konservo", „ni ne estas ĝi al nia senkulpigo," celinda povas ĉiam unue nur esti", „eksigi antaŭ la porpon", „eksspiri". „Balanci" anst „balanciĝi",„ sufoki" anst, „sufokiĝi". „Katenigi, konsoligi, incitigi, impresigi" kun siaj superfluaj". „ig". „Tio estas bone". „Pli frue", „pli malfrue" anst. „antaŭe" kaj „poste" „Prodomaĝĝojo". „Kutimita" anst. „kutimiĝinta". „Plej bonuloj". „Plej eminentuloj". „Paseblaĵo" (mi ne komprenas). „Rapidece". Krome: Komoj tre ofte troas. „Unu" estas ofte nenecese uzata. Kaj ofte mi dubas ke vere la ekvivalenta vorto estas uzata, ĉar per alia, parenca vorto la kompreno estus *pli facila* aŭ *ebla*. Sed „eks por mi" aŭ eble pli ĝuste „eks pri mi" ŝajnas al mi tre taŭga, iom vulgararoma esprimo de „ĉio finita pri mi".

Mi revenas al la vorto „kutimi", ĉar tre ofte oni uzas ĝin erare. „Kutimi" signifas „havi kutimon", „kutimhavi". „Ekhavi kutimon" estas „kutimiĝi"; „havigi kutimon" estas „kutimigi". Ekzemploj: „Mi kutimas legi antaŭ endormiĝo". „Mi kutimis fumi, ĉar mi alkutimiĝis, sed nun mi dekutimiĝis (malkutimiĝis) je la kutimita (kutime havita) pasio". „Malbone kutimigita infano". „Mi vidis lin dum lia kutima (kutimata) vespera promeno". „Vi devas kutimiĝi al ĉi tiu laboro, kiel ajn pene vi kutimigos vin al ĝi". Sed, „li estas kutimita fumi", tio estas, „li estas kutimhavita fumi", evidente ne havas sencon. Anstataŭ, „kutimiĝi" oni povus uzi ankaŭ la vorton „ekkutimi". Sed „kutiminta" signifas nur „havinta" kaj ne „akirinta kutimon".

Kaj nun mi esprimu ankoraŭ mian afliktiĝon pri tio, ke en Esperanto ĉiam ankoraŭ mankas la stila unueco. Ne malkomprenu min. Ĉi tiu sopirata unueco ne signifas ke ĉiu skribu laŭ la sama maniero. Sed ke simplajn frazojn ĉiu faru sammaniere, ke ekzistu fine tiu ĝenerala kanvaso de stilo sur kiu oni povas brodi. Sen tio ĉi oni neniam scios en tradukoj, ĉu la stila apartaĵo devenas el la individua stilo de la *autoro*, aŭ el la lingvaj kapricoj, lingva malcerteco de la *tradukinto*. *Kopar.*

## AVENTUROJ DE MALSPERTULO.

(Fragmento de la verko). Robert Reitzel. Esperantigis Dro Tobias Sigel. Esperanto-Verlag Ellersiek Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 32 paĝoj. Prezo 1.20 gmks.

La literaturo de Usono ne estas tiom abunde reprezentata en nia lingvo, ke ni ne povus ĝoje saluti la verketon, kie apero kompensas almenaŭ partan mankon.

La libreto de Reitzel konigas al ni la malfacilaĵojn de germana junulo, per li mem, kiu forlasinte sian hejmon migradas kaj renkontas mil kaj mil malhelpaĵojn por povi vivteni sin en la fremda terparto, en la tute nova mondo.

La tradukaĵo ĝenerale faras bonan impreson, tamen kelkaj rimarkoj pri ĝi estas nepre notindaj. Ni renkontas sufiĉe oftan kaj ne nepre bezonan uzadon de la kunmetitaj tempoj, kio kelkloke igas peza la lingvaĵon. Ankaŭ la vortordo kelkfoje pezigas la stilon. Precipe la uzo de „ankaŭ" post la vorto al kiu ĝi rilatas. Same la adverbo „multe" staras ofte post akuzativo tre malproksime de la verbo en la fino de la frazo. Anstataŭ „bone" estas „bona" (eble preseraro). Same: „ni . . . doninta . . ." Post „da" ni trovis artikolon. Ankoraŭ kelkaj vortoj: „emigrintoj", „reparigi" (anst. riparigi) „cerklo" estas riproĉeblaj.

Ĉi tiujn mankojn tamen la plaĉa eksteraĵo, manko de preseraroj preskaŭ tute forgesigas al la legantoj.

## LA REGADO DE SI MEM PER KONSCIA AUTOSUGESTO.

E. Coué (E. B. I. nro. 33.) Esperantigis J. Borel. Esperanto Verlag Ellersiek et Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. Prezo: 0.30 gmk.

La tutmonde konata serio de Esperanto Biblioteko Internacia pliriĉiĝis per vere interesa kaj aktuala numero. Ĝi pritraktas la sukcesojn kaj speciale por neurasteniuloj tre taŭgan kuracmetodon de la fama kuracisto E. Coué, en Nancy.

La verketo ne nur pro sia interesa kaj sciencvalora temo, sed ankaŭ pro la flua, neriproĉebla stilo, estas atentmerita legindaĵo, eĉ, ankaŭ propagandilo por ĉiu esperantisto. *dr-oth.*

## TRI LIRIKOJ DE SHAKESPEARE

Muziko de M. Francis Coates. Vortoj tradukitaj de A. John Ashley. Eldonita de A. J. Ashley. Farnley Tyas, apud Huddersfield, Anglujo, 1924. Prezo per poŝto: 1 ŝil. 7 p.

Al la bone kantebla, kvankam ne ĉiam unuavide klara verstraduko de sro Ashley estas komponita lerta muziko por kantvoĉo kaj fortepianakompano de sro Coates. La Madrigalo kun sia popole melankolia tono kaj la „Carpe Diem" kun sia freŝa marŝo estas plaĉaj. „Fidele" ŝajnas al mi malriĉa je melodio. *(-da)*

En la lasta momento antaŭ la preso kun dolora konsterniĝo ni sciiĝis pri la morto de

**PAŬLO DE MEDEM**

**Lingva-Komitatano kaj Akademiano**

De la plej frua tempo li estis nia alteŝatata, kara kunlaboranto. Neniu el ni konis lin persone, sed el liaj leteroj radiis al ni lia amanta koro, entuziasma zorgemo, kritika helpemo, nobla komprenemo. Lian neplaĉon li kvazaŭ flustris al ni, sekrete en privataj leteroj, kaj post malaprobo li tuj metis laŭdon por ne ofendi, por ne malesperigi. La reprezentadon de la gazeto li faris kun vera fervoro, larĝvido, dankdeviga oferemo.

El ĉi tiu nobla, kara kaj valora fervoro ni povas konjekti kiom li helpis kaj efikis en sia senpera ĉirkaŭo. Jen denove grava, grava perdo, por kiu ni apenaŭ povas imagi al ni kompenson.

Al liaj apartenuloj, al la litova esperantistaro jene ni esprimas, kun afliktita koro, nian plej sinceran kondolencon.

Lian karan nomon ni konservos ĉiam en nia ama rememoro.

# LETERKESTO

**P. C.** En via š. letero vi riproĉas, ke en nia revuo vi trovis la vorton Japario, do ni ne uzas la fundamentan Esperanton sed „svisan dialekton“. Permesu, ke ni iom parolu ĉi tie pri ĉi tiu afero.

Ni estimplene rekonas kaj tre altetaksas la valoron de la konserva laboro de niaj lingvaj institucioj; nia lingvo, kies evoluo okazas libervoje, nepre bezonas *bridon*. Por montri nian rekonon, ni uzas *oficiale*, en la komunikaĵoj de la revuo, ĉiam la sufikson „ujo“. Sed en la *ensenditaj* artikoloj ni devas respekti la preferon de la kunlaborantoj. Tiamaniere, vi vidos en la revuo multajn „-io“ apud multaj „-ujo“. Ni opinias ke tiel okazas kvazaŭ voĉdono, kies rezultojn eble ankaŭ niaj lingvaj institucioj povus utiligi iam, ĉe eventuala, denova konsidero de la afero. Ni esperas ke oni ne juĝos nin nelojalaj al la Akademio, se ni donas okazon por la evidentiĝo de la publika opinio per tia tute demokratia vojo.

Kaj la aferon ni konsideras jene: prefere nur -ujo, aŭ prefere nur -io, aŭ prefere, en paco, ambaŭ kune, ol du kruele batalantaj partioj, kiuj preskaŭ malamas unu la alian, reciproke ne partoprenas en gravaj entreprenoj, ignoras, eĉ kontraŭpropagandas ilin pro detaldemando. Ĉi tio estus, laŭ hungara proverbo, elverŝi kun la banakvo ankaŭ la infanon. Eble -io estas, eble ĝi ankaŭ restos, svisa dialekto. Sed eble ĝi estos komune uzata kaj rekonata, ĉar multfoje jam okazis ke dialektaj vortoj eniris la literaruran lingvon. Danĝera tio tute ne estos, eĉ ne kiel precedento. La longa daŭro de la batalo jam nun sufiĉe montris ke Esperanto ne povas disfali, ĉar iom pli grava ŝanĝo en la lingvouzo povas okazi nur post longa periodo de provado kaj post ĉiuflanka funda konsidero de la afero.

Kaj ĝis tiam, ni restos fundamentaj, sed la aliajn homojn ni lasos uzi laŭplaĉe aŭ la *lingvon* aŭ la *dialekton*. *Kopar*

**P. de M.** Pri neologismoj ni iras la jenan vojon: Ni forstrekas nur la evidente superfluajn, devenintajn el ne perfekta lingvokono aŭ el aprioriaj reformtendencoj. La *ekzistantan* lingvomaterialon ni rigardas finfarita, ĉiun intencon por ĝia *plibonigo* — senkaŭza, sencela kaj danĝera. „Tuja kompreno“, „senmiksa romaneco“ ktp., meazzinismoj kaj aliaj ismoj kunhavas almenaŭ tiom da malbonaj, kiom da bonaj flankoj, sed krom tio ili havas tiun difekton ke ili postulas ŝanĝojn, do rompon de unueco (ĉu ne sufiĉas -io — -ujo?), disputojn, malŝparon de energio, kiun oni povus uzi pli fruktodone. Ni ne diskutas pri la lingvo, ni uzas ĝin.

Sed ĝuste ĉar ni volas *uzi* la lingvon, ni volas ke ĝi estu perfekte *uzebla*. Kaj Esperanto estas ankoraŭ malproksime de la naciaj lingvoj rilate la esprimkapablojn de stilo, ĉi tion nei povas nur blinda entuziasmo. Mankas nuancoj, mankas necesaj radikvortoj kiujn oni devas esprimi per longaj kunmetitaj vortoj, ĉirkaŭskriboj. Ĉi tiuj taŭgas en la ĉiutaga parolo, sed en la poezio ili estas senpovaj, sensangaj, ne havas la bezonatan *kolorvaloron*, enkaŝitan *energion*. Ĉiuj poetoj Esperantaj sentis tion. Tial estas granda antagonismo inter la propagandistoj kiuj volas kiel eble plej *facilan*, kaj la literaturistoj, kiuj volas kiel eble plej *esprimkapablan* lingvon. Zamenhof mem estis literaturisto, kaj li mem uzis eble la plej multajn neologismojn. (2000 estas kolektitaj.) Sed, mi petas konsideri la jenon: ĉiu teknika fako havas, aŭ devos havi sian fakterminaron, ĉu ĝin ne bezonas la *poezio*, kies materialo estas *vortoj*. Delonge mi intencas aperigi tian fakvortaron, kiu enhavus nurajn ĉiutage neuzeblajn vortojn. En ĉiu nacia lingvo estus ridinde se oni parolus poemstile. Do, ankaŭ Esperante oni ne parolas tiel:

— Amara sentimento obsedas min, ĉar vi ne kunjubilis mian nuptan festregalon.

— Angore mi petegas absolvon, sed ĉe l' aŭroro min vekis kapdoloro el inkuba dormo, kaj vesperkrepuske mi estis tiel langvora ke mi endormiĝis.

Kiu parolas tiel? Sed la vortoj estas ĉiuj nemalhaveblaj en *poezio*, ĉar neniu alia vorto povus anstataŭi ilin kun plena signifo kaj esprimforto.

Ĉiuj, kiuj skribis iam pri la estonta evoluo de Esperanto, profetis iompostioman malpliiĝon de la mal-vortoj. Precipe tiuj el ili estas maloportunaj kiuj donas *tro longajn* vortojn. („Malproksima“, „malpermesi“ ktp. Por la unua oni pli kaj pli uzas la vorton „fora“. „Malbon-“ en kunmetaĵoj estas tre longa; tial oni uzas ofte „mis-“ anstataŭ ĝi.) Krome ekzistas mal-vortoj, ĉe kiuj ne estas unuavide certe, kiu estas la *rekta*, kaj kiu la *mala* vorto. Kaj ĉi tion lerni, laŭ mia sperto dum kursoj, estas pli malfacile, ol novan radikvorton. (Fermi—malfermi.) Krome estas vortoj, ĉe kiuj la rekta vorto havas tiel penetran karakteron, ke la mala vorto pro tio aspektas malforta, senpova, senkolora. („Malmola“, „malsovaĝa“.) Por la lasta oni nun uzas „milda“. Por la unua mi neniam legis, kaj neniam uzis „dura“, sed el manuskripto mi certe ne forstrekus ĝin.

Tial ni ne estis severaj kontraŭ la vorto „rara“, kiu signifas „malofta“ en *spaco*, do *ne en tempo* senco. Cetere ĝi estas registrita en la vortaro de *Boirac*.

Nun mi vidas, ke mia respondo vastiĝis trans siajn kadrojn. Mi rapidas fini.

Laŭ mia opinio sporadaj neologismoj, eĉ nenecesaj, tute ne estas danĝeraj. Se ili estas superfluaj, ili malaperos, maksimume en la verkoj de tro konsciencaj vortarfaristoj ili vegetos plu. Aliaj estos uzataj kiel efemera modo, kaj baldaŭ velkos. La bonaj kaj necesaj restos, kaj estos oficialigitaj, kaj ili meritas ja tion. Sed netuŝite de ĉio ĉi tio, vivas sian egalan vivon la *trunko* de nia lingvo, sufiĉa por kruda interkompreno, konservata en la Fundamento kaj en la *bonaj lernolibroj*. *Kopar*

**A. K.** Vi malaprobas, ke ni skribas la vorton Finnlando per du n-literoj kaj per tio ni pekas kontraŭ fundamenta regulo. Nu, *regulo* kiu rekte deklarus tian malpermeson, ne ekzistas. Ekzistas nur tia *principo*, deduktebla aposteriore. Ni tuj diru ke tre saĝa kaj utila principo, dank' al kiu la Esperanta ortografio estas vere infanludo. Sed, laŭ nia opinio oni ne devas fari el ĝi *dogmon*, kaj perforti *utilisman* principon eĉ kiam ĝi estus *malutila*. Ekzistas kelkaj internaciaj vortoj, kies transpreno eblas nur per la apliko de duoblaj literoj, ĉar alimaniere oni havus malkomprenojn. Ĉu oni ĝuste komprenus la frazon: „Mi atendas la *finon*,“ eĉ se en la antaŭaj frazoj temis sendube pri *finno?*

Ni do ne komprenas vian antipation, kaj, laŭ ni, estas strange, ke oni tiel multe hezitas pri la ekuzo de tiaj duoblaliteraj vortoj. Temus ja nur pri 8—10 vortoj, kiuj troviĝus plejparte en teknikaj terminaroj. „Regatto“, „kokko“ (coccus), „bullo“ (bulla), „mokko“ (uzita de Zamenhof), „vendetto“ estas tiaj vortoj, por kiuj oni vane provus proponi pli taŭgajn kaj pri kiuj okazis jam multaj penigaj diskutoj — senrezulte. Ankaŭ „villo“ estus pli plaĉa, pli natura ol *vilao*, kiu per sia monstra formo avertas, ke ni ne persistu pri utila principo, kiam ĝi estas malutila.

Sed la elparolo! Nu, oni ne devas nepre elparoli ambaŭ literojn, tio estus malfacila. Sed oni povas akcenti la duobligitan literon, kvazaŭ ripozi sur ĝi, mallonge elparolante la antaŭan vokalon, se ĝi estas akcentita. Kaj en nia lingvo ja ekzistas ekkoni, ellavi, ennoti, plorruĝa.

**A. S.** Kiel interesan simptomon ni publikas parton el via letero, nur tiom korektinte ĝin, ke ĝi fariĝu komprenebla:

„Mi ne scias ankoraŭ tiom la Esperantan lingvon, ke mi povu skribi leteron sen vortaro. Tamen bonvolu legi tiujn ĉi miajn poemojn kaj skribi al mi, ĉu ili estas taŭgaj.“

Do ne. Ili ne estas taŭgaj. Por ni ne. Sed por vi jes, ĉar ili vin devigas foliumi la vortaron. Bonan laboron! Kaj sendu al ni la poemojn, kiujn vi verkos *sen vortaro*. (Vortaron de *Rimoj* ni grandanime permesas.)

**H. I. B.** *Gesinjoroj dal Mezzio.* Tre volonte ni publikus la interesan rakonton, sed principe ni ne publikas tradukojn sen nomo de aŭtoro. Ni tre ĝojus kaj laŭ nia opinio ankaŭ niaj legantoj ĝojus, se per la trovo kaj alsendo de la aŭtora nomo vi ebligus al ni la presigon de la novelo. *Jane Eyre* estas envicigita inter la publikotaĵojn, sed ĉe nia malgranda amplekso ni bezonas tempon por trovi lokon por ĝi. Ni petas do iom da pacienco.

**Vera Potehina.** *Luna Sonato.* Bonvolu legi la respondon pri „Gesinjoroj dal Mezzio“.

**P. S.** *Pario.* Bedaŭrinde ni ne povas publiki la frapantan novelon, malgraŭ ĝia bela traduko, ĉar la novelo jam aperis en la iama „Lingvo Internacia“ kaj ankaŭ en la aparta libro: „Du slavaj rakontoj“. Vi komprenos ke la malgrandan lokon pri kiu ni disponas, ni prefere donas al neniam presitaj artikoloj.

---

## VIA KUNLABORANTARO

*Louise Briggs (Armley). J. Grau (Barcelona), Helmi & Hilda Dresen (Tallinn), Nikolao Hohlov (Varsovio), Ivan H. Krestanoff (Pirdop), A. Mazzolini (Fermo). Jan van Schoor (Antwerpen), Paul Medem (Kaunas), Tiberio Morariu (Bucuresti), Paul Nylén (Stockholm). Emma L. Osmond (London), Petro Stojan (Chisinau), M. Solovjev (Novi-Sad), Dro Leono Zamenhof (Varsovio), Raymond Schwartz (Paris), J. Jurista (Czenstochova), Stanislaw Braun (Lodz), Henriko Seppik (Tallin), Daniel Eyoquem (Paris). Zanoni. Responda redaktoro: Dro Béla Rácz de Kövesd L. K.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró